# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto :** **H. Hodler.†**
**Redaktoro :** **D-ro Edm. Privat.**
**Direktoro de UEA :** **Hans Jakob.**

**Adreso : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**

**Esperantismo :**



**Literaturo :**



**Diversaĵoj :**



**XXX-a Jaro N° 407**

**JULIO 1934**

# Vi venkos, Sinjoro !

Tion skribis al L. L. Zamenhof jam en 1887 la pola verkisto Leo Belmont, tiam ankoraŭ studento ĵus leginta la unuan lernolibron de Doktoro Esperanto. Al nia plej malnova samideano kaj plej korjuna poeto la tuta esperantistaro dankeme gratulas okaze de lia literatura jubileo. (Vidu artikolon sur paĝo 110).

« Vi venkos, Sinjoro ! ni rediras al li. Jam venkis via pola plumo, ĉar via krucumita nacio reviviĝis al honora loko en la familio de la grandaj eŭropaj ŝtatoj. Kaj ankaŭ venkos iam via esperanta plumo, kiu kantis la noblan celon de la majstro kaj amiko.

*Se vi la kordojn de l'harpo tuŝas*
*Vi miron faras, artisto.*

Tiuj versoj de Byron, tradukitaj de vi mem, trafe diras tion, kion ni ŝuldas al vi, sed ankaŭ la du sekvantaj versoj esprimas ĝuste nian emon aŭdi plue la muzikon de via harpo :

*Se kor' ankoraŭ havas esperon*
*Per kanto ĝu revekiĝos*

Laŭ la konsilo de granda poeto, nia Baghy ja « *tondris la mondan doloron* ». Nia generacio travivas tiun tempon de ventego, kiam la nigraj ombroj kaj minacaj nuboj ribelas kontraŭ ebleco de blua ĉielo. Batalfortoj ĵaluzas antaŭviditan harmonion.

Tamen vi venkos, Sinjoro, ĉar iam la homoj komprenos, ke la batalan bravecon ili povas uzi pli fruktoriĉe ol kontraŭ si mem. Sur ondoj de tiu lingvo, per kiu vi kantas tiel sprite, ili jam ekaŭdas la voĉon de ceteraj popoloj krom la sia. La vivrajto de l' aliaj ekgajnos loketon en ilia kompreno.

Kiu posedas en si mem advokaton de l' najbaro, tiu ŝparas la naŭzon de l' procesoj kaj la sangon de l' buĉadoj. Al pli noblaj bataloj sin turnas lia forto kaj respekto, kontraŭ maljusto kaj mizero li militas pli libere.

Vi venkos Sinjoro, ĉar iom post iom la homoj ekvidos tion kaj vento de bonvolo blovos post ventoj de kolero. Kiam niaj haroj estos blankaj, tiam la nova generacio de junuloj havos ĝuste la saman emon al harmonio kaj tolero, kiu plenigis la vivon kaj la verkon de nia komuna majstro.

Tiam lia helpa lingvo necesos al la konstrua laboro de la pli saĝa homaro. Dependas de ni, ke ĝi vivu kaj floru ĝis tiam por esti plene preta por la tutmonda rolo.

El Stockholm el brila kongreso, alflugos al vi la ondoj de *La Espero* kaj la decida voĉo de tiuj pioniroj, kiuj marŝas antaŭen kun nova kuraĝo kaj novaj rimedoj. Ankaŭ ili rediras kun vi al la memoro de Zamenhof :

Vi venkos, Sinjoro.

Edmond PRIVAT.

**Atentu ! La venonta numero de ESPERANTO eliros fine de Aŭgusto kaj enhavos raporton pri la 26-a Kongreso en Stokholmo.**

76
39
42

# Esperantismo

## LEO BELMONT

**Okaze de l'ora jubileo de lia literatura agado**

I

Maldensiĝas nia malnova armeo. Ĉiu numero de niaj gazetoj informas pri la morto de malnova pioniro. En la plejado de la unuaj batalantoj por nia ideo restas ĉiam malpli da pioniroj...

El la « unua milo », inter la nemultaj jam vivantoj restis ĝis nun fidela al la verda standardo Leo Belmont.

Rigardo malantaŭen prezentas al ni kalejdoskope diversajn peripetiojn de la sorto. Kiom da diversaj malhelpaĵoj havis antaŭ si la fidelaj ĝis nun kavaliroj de la « unua milo »! Morto, Milito, Krizo, ideaj kaj materiaj kataklismoj. Post ĉiu el tiuj diversaj viv-kruelaĵoj forpereis certa nombro da tiuj idealistoj. Ju pli antaŭen al nia tempo des malpli da ili restas. Kaj inter tiuj ja tiom malmultnombraj herooj elbrilas ĉiam la figuro de la plej persista, fortvola Leo Belmont.

Kiu ne memoras la faman profetaĵon de la juna studento, kiu, konatiĝinte en 1887 kun la « unua libro » de Lingvo Internacia (ankoraŭ tiam ne posedinta la nomon : Esperanto) skribis entuziasmoplenan leteron al Dr. Zamenhof kaj finis per la famaj profet-vortoj : Vi venkos, Sinjoro !

Estis Leo Belmont, kiu la unua blovis bel-spiriton en nian lingvon, kreinte la Esperantan Poezion.

Estis Li, kiu ekde la unua momento flame propagandis nian lingvon ĉu per la plumo, ĉu per sia ora buŝo. Kaj ne nur en sia propra patrujo. En rusaj kaj germanaj gazetoj ni legas liajn perfektajn artikolojn. En pola lingvo li verkis lernolibron en versoj (*kun rimoj* !).

Duona jarcento pasis de kiam Leo Belmont metis siajn unuajn paŝojn sur la literatura kampo. En Nro 27 de 1884 (sekve pli malpli en Julio) de la semajna revuo pola « Świt » aperis lia unua poemo s.t. : Rozzalona (Plendo de virino).

Altruisto, idealisto, fervorulo... senhezita defendanto de justeco, sentima batalanto kontraŭ ĉiu ajn perforto kaj malnobleco, Martiro pro siaj konvinkoj (kvinfoje dum la rusa reĝimo arestita kaj senigita de l'rajto defendadi en juĝejo,) li ĝis nun, malgraŭ grizaj haroj ne cedis de sia vojo de la vero, malgraŭ ke tro ofte li estas sur tiu ĉi vojo tute sola.

II

Sian komencan kaj postan, kiel ankaŭ universitatan edukon li ricevis en Varsovio. Ankoraŭ kiel studento li komencis sian literatur-jurnalistan agadon. Post la fino de la Varsovia universitato li translokiĝas Peterburgon, tiaman ĉefurbon de la kolosa rusa imperio. Post kelkaj jaroj tamen (1904) li revenas Varsovion kaj establiĝas ĉi tie jam por ĉiam (kiel advokato kaj ĵurnalisto).

Leo Belmont — naskiĝis en Varsovio la 8'III 1865, sekve nun finis 69 jarojn. Kia junega animo en tiuj jaroj !

Sen timo, kaj — sen makulo ! Senlaca verkisto. Vera titano de laboro. Poeto, publicisto, novelisto, romanverkisto, ekonomiisto, satiristo, humoristo, tradukisto, jurverkisto.

Sed super ĉio — fervorega defendanto de ĉiuj ideoj de progreso kaj libereco.

Homo par excellence individua Belmont fondas en 1907 semajnan revuon « Libera Vorto » kaj dum kelkaj jaroj plenigas sola ĝiajn kolonojn de la unua ĝis lasta paĝo. Multfojaj konfiskadoj, ĉikanoj kaj arestoj ne malplifortigis lian verk-energion, ĝis kiam la rusa registaro tute fermis lian redaktejon kaj forprenis de li la rajtojn de advokato (nur en la libera Polujo li rericevis siajn advokat-rajtojn). Sed ankaŭ tiam Belmont ne rezignas de sia pionira agado por la progreso. Jam ne en sia propra organo, li sur la kolonoj de la pola kaj rusa gazetaro ĉiam aperadas kiam naskiĝas ia tre grava socia aŭ justeca demando. Famaj estas liaj publikaj leteroj (eldonataj en du lingvoj : pola kaj en la rusa) liaj plenŝtopitaj prelegsalonoj, liaj broŝuroj, libroj ktp.

Pli ol cent grandvolumaj verkoj eliris el sub la plumo de tiu fervorega verkisto. Homo kiu sentas la verkad-neceson same kiel la spir-bezonon.

III

Dum ĉiuj esperantaj solenoj en Polujo estas Belmont kiu per sia oratora talento pleje ornamas niajn programojn. Malgraŭ ke dum tiom da jaroj li ĉiam al ni donacadas plej brilajn paroladojn, ĉiufoja aŭskultado de lia prelego estas por ni — kaj ankaŭ por la neesperantistaj gastoj — vera majstra koncerto de la oratora arto. La fiero de la pola esperantistaro antaŭ la neesperanta publiko !

Ekde la apero de Esperanto ĝis nun, dum tiom da plej diversaj peripetioj, kiujn nia lingvo travivis en nia lando, ĉiam, dum ĉiuj situacioj, kvazaŭ ora fadeno, tiras sin la sun-brila staturo de Leo Belmont. Kaj vere ne diveneble estas kie troviĝas la fonto, el kiu Belmont ĉerpas tiom da energio kaj fido. Li ja travivis tiom multe da maljustaĵoj tiom multe da krim-batoj, tiom multe da senhontaj atakoj... Kaj malgraŭ ĉio ĉi tiu homo ne kurbiĝas, ne kunmetas la armilojn... Vera modelo de genia persisteco ! Eĉ nia Majstro ĉerpadis ĉe li persistemon.

Belmont estis ankaŭ la unua, kiu konatigis la mondon kun.. tradukaĵoj el Esperanto. Konataj estis liaj tradukoj en la unuaj jaroj el Grabowski. *Ĉiujn* poeziaĵojn de nia Majstro (inkluzive : La Espero'n, kies pola traduko per beleco ne cedas al la originalo) tradukis Belmont pollingven. Kaj tio mem estis propagando ne malpli bona, ne malpli efika ol miloj da argumentoj.

Lastatempe Belmont okupiĝas preskaŭ plene pri romanverkado kaj fariĝis sur tiu kampo (kiel ankaŭ sur la kampo de film-verkistoj) eminenta famulo.

Kun Esperanto li restas en plej bonaj kaj oftaj interrilatoj. Ekde kelkaj jaroj li inde karesas postenon en la Esperantista Akademio. De tempo al tempo verkadas siajn plej amatajn poeziaĵojn kaj — kiam aperas nur bezono — donacas al ni plej brilan, non plus ultra, oratoran majstraĵon.

Okaze de tia solena datreveno, permesu, nepritaksebla Geniulo, ke ni esprimu al vi niajn entuziasmoplenajn bondezirojn : *Vivu longe kaj feliĉe* ! La esperanta mondo vin bezonegas !

Se sur via domo ankoraŭ mankas marmora tabulo kun glorvortoj pri vi, do kredu, ke en niaj koroj jam longe vi posedas tabulojn el pura oro kun grandaj el pleja malproksimo vidataj ĉizitaj vortoj :

*Leo Belmont — senlaca batalanto por la libereco, vero kaj progreso.*

Edvardo Wiesenfeld L.

# Universala Esperanto-Asocio

**Raporto de la Sekcio de Eksteraj Aferoj**

*Kiel kutime estas submetata al la Kongreso la jara raporto de UEA, kiu por la unua fojo estas UNU raportego de la du sekcioj — Interna kaj Ekstera — kune. Tiu ĉi riĉa dokumento tamen ne estas konata laŭ enhavo tiel kiel ĝi devus esti. Ĝin ja ricevas nur la kongresanoj, estraranoj kaj gvidantoj. Ni represas en sinsekvaj numeroj sciindajn partojn el tiu ĉi libro kaj komencas per la raporto de la Direktoro Robert Kreuz. — La venonta numero enhavos la daŭrigon.*

*(Redakcio)*

## ENKONDUKO

Se, post la antaŭparolo de la prezidanto de U.E.A., ĉi tiu raporto ankoraŭ necesigas enkondukon, ĉi tiu povas esti tre mallonga.

Unue ni devas konstati, ke la likvido de la I.C.K., laŭ ekstera aspekto, okazis per simpla malapero de la nomo post ordigo de la rilataj administraj kaj teknikaj detaloj. Ĝia propaganda laboro, ne-interrompebla, estis daŭrigita sub la firmo de la nova U.E.A.

La transformo de la ĝisnuna ICK-oficejo en sekcion de eksteraj de UEA aferoj, do okazas laŭgrade. Estis transprenitaj kaj konservitaj ĉiuj instaloj kaj aranĝoj, kiuj antaŭe montriĝis kiel taŭgaj. Post kunigo de ambaŭ oficejoj, la 1 julio 1934, ni, laŭbezone, ankoraŭ adaptos racie ĉion, kio estas necesa, por certigi senmankan funkciadon.

Kion ni konservis kaj juĝis nepre konservinda, tio estis la spirito, kiu nin animis de multaj jaroj. Ĝi ŝajnas al ni esti necesega por la akcelado de nia laboro. Ĉar ne nur de la teknika perfekteco de nia organiz-aparato dependas la progreso de niaj entreprenadoj, sed ankaŭ multe de la spirito laŭ kiu ĝi estas funkciigata. Tiu spirito ne devas vivigi nur nin, sed ĉiujn gvidantojn kaj kunlaborantojn. Nia modelo devas ilin kuraĝigi. Kaj, se ili pro ia kaŭzo ŝancelas, hezitas aŭ ekhaltas, nia spirito devas esti stimulilo por ili. Ĝi devas esti la kuntira forto en decida momento.

Post la unuecigo de nia organizo la Universala Esperanto-Asocio estas la internacia centra gvid-institucio de nia movado. Ni do havas la devon, fari ĉion, por ke nia asocio povu plene kaj inde plenumi sian rolon. Sed ni neniam devas forgesi, pro tiu ĉi devo, ke pli alta tasko ankoraŭ ekzistas por ni, la sukcesigo de Esperanto. La sukceso de unu dependas de l'progreso de la alia. Tial ankaŭ plue nia ĉefdevizo estas :

*Nepre servi al Esperanto !*

## PROPAGANDO.

Propagando de Esperanto neniam povas esti efemeraĵo, tute nature. Unu ago por nia granda idealo posttiras necese duan, trian aŭ kvaran agojn. Ja eĉ vico da agoj fariĝas necesa post farita iniciato. Ĉio dependas de la graveco de la koncerna kampo kaj de la vivtempo de la entrepreno, en kiu Esperanto estas enkondukata aŭ aplikata. Sekve de tio eskzistas multaj entreprenoj, kiuj daŭre necesigas, kaj absorbas, la forton de unu tuta persono dum nedifinita tempo. Kaj post fine atingita « sukceso » necesas sekurigi nian situacion. Tio ofte estas pli malfacila ol la atingo de l' sukceso mem. Eĉ fervoraj kaj spertaj propagandistoj forgesas tion. Pro tio, post kelka tempo la rezulto de ilia penplena preparado for-malaperas. Tiel multaj sukcesoj de nia lingvo restas ne-eluzitaj aŭ surpapera progreso. Ni devas ĉion fari por sekurigi niajn sukcesojn. Ni devas sekvi, observi, kontroli la aplikadon de Esperanto, tie, kie ĝi estas enkondukita. Ni devas zorgi pri la daŭrigo. Ni devas tiel enpenetri la koncernan medion, ke ni kapablas disvolvi aŭ disvolvigi la uzon de Esperanto per novaj taŭgaj proponoj. Ni devas igi nin necesaj kaj bonvenaj helpantoj pere de nia lingvo. Iom post iom oni tiam ekkonas la utilecon de Esperanto, jam ne plu pretervidas ĝian aplikon ĉe nova okazo kaj ni tiamaniere certigas nian pozicion.

Esperanto devas fariĝi faktoro de praktika helpo, pri kiu oni kalkulas kaj kiun oni konforme taksas laŭ reala valoro.

Tion atinginte, ni fakte povas paroli pri atingita sukceso. Tia sukceso ne estas efemeraĵo, kontraŭe restas daŭra, kaj permesas pluan progreson sur la tuta fronto.

La sekvantaj paĝoj enhavas resumon pri la detallaboro farita de nia sekcio depost la 1 julio 1933. La kriza situacio tra la tuta mondo kompreneble limigis nian agadpovon en multaj rilatoj. La malabundeco de financ-rimedoj ankoraŭ pli influis la laboron. Sed ni faris ĉion, kion ni povis fari. La raportanto atendas objektivan kritikon pri la rezulto de nia klopodo. Por konsiloj kaj proponoj por plibonigo, kaj ĉefe por praktika kunhelpo, ni estos rekonemaj.

Ni sekvas en la elmontro de la faktoj la saman manieron, kiu ĝis nun estis sukcese uzita de la iama I.C.K. Ni unue raportas pri niaj laboroj kaj rilatoj en la diversaj kontinentoj. Sekvas poste cito de faktoj pri la agado en Eŭropo, kiu evidente okupis nin unuavice. Neniu superflua ago estis farita. Neniam oni povas fari tro por Esperanto.

## AFRIKO

*Alĝerio.* — Depost la morto de S-ino. Tiard ni starigis rilatojn kun aliaj samideanoj. Ni havis korespondadon kun la sekretario de la grupo de Philippeville, S-ro Emile Jean Cuomo, delegito de UEA. Philippeville nun estas la agadcentro tie. Oni sukcese aranĝis Ĉe-kurson kaj atendas plifortiĝon de la movado. La hon. prezidanto de la grupo estas eminenta politikisto kaj per sia nomo povas multe helpi.

*Angolo.* — Niaj rilatoj daŭradis kun nia malnova kunlaboranto kaj delegito de UEA, S-ro A. Ferreira da Silva en Lobito.

*Ebura Bordo.* — Bedaŭrinde ni perdis nian kunlaboranton S-ron Komandanton Alfred Cazalas pro morto. Li ripozu pace.

Ni serĉas rilatojn kun aliaj interesitoj.

*Egipto.* — Sub la influo de la krizo la movado iom trankviliĝis. Niaj amikoj devas barakti pri personaj kaj ekonomiaj malfacilaĵoj. Tamen ni kalkulas kunlaborantojn tra la tuta lando. Agadcentroj estas Fayum, Kairo kaj Port Said. Unuan lokon okupas Fayum, kie S-roj Nasif Mahrus kaj

Tadros Migalli estas la aktivaj gvidantoj. Dume S-ro Migalli estas unuavice interesita pri la instruado de nia lingvo S-ro Mahrus donis ĉefan atenton al la propagando en la arablingva gazetaro. En Port Said, nia patrono, S-ro Cather daŭrigis sian laboradon. Ankaŭ la aŭtoro kaj eldoninto de la araba ŝlosilo, S-ro. Harfuŝ, reprenis sian aktivecon. En Kairo nia malnova brita samideano, S-ro Newell, laboras sukcese per instruado kaj gazetara propagando. La grupo de Kairo funkcias regule.

Resume povas esti dirate, ke ni disponas en Egipto pri sufiĉe da kunlaborantoj. Ili esperigas, ke en estonto ni progresos ankoraŭ pli, dank' al la bona bazo tie ekzistanta.

*Etiopio.* — Bedaŭrinde ankaŭ dum la nuna agadjaro ni ne ricevis vivsignon de nia malnova korespondanto, S-ro Ludvik en Addis-Abeba. Ni scias tamen, ke li regule daŭrigas siajn rilatojn kun la esp. mondo.

*Madagaskaro.* — Kiel videble el la antaŭaj raportoj ni vigle interesiĝas de longe pri kunigo de la esperantistoj en tiu ĉi insulo. Dank' al la komprenemo de nia malgaŝa samideano, S-ro Gervais Botolelahy, nun lerneja ĉefdirektoro en Vihipeno, tiu klopodado esperigas pri sukceso. S-ro Botolelahy promesis al ni, doni sian tutan helpon. Estas intencite veki la intereson de ĉiuj samcelanoj per cirkulera invito pri kunlaboro en malgaŝa kaj esperanta lingvoj.

S-ro Botolelahy intertempe okupis sin pri la revizio kaj kompletigo de manuskripto de ŝlosilo en malgaŝa lingvo, pri kies baldaŭa apero ni esperas.

*Maroko.* — Ni havis plurfojan korespondon kun S-ro Lino Huguet, delegito de UEA en Meknès, pri diversaj propagandaj iniciatoj; same kun nia malnova korespondanto, S-ro Inĝeniero Richard en Tanger.

UEA kalkulas 4 delegitojn en la lando.

*Sudafriko.* — Oni facile komprenos, ke nun ne estas la momento por entrepreni vastan propagand-iniciaton. Ankaŭ mankas la mono por tio. Ni do povis nur daŭrigi la preparon de l' kampo. Nia sudafrika korespondanto, S-ro Deas, delegito de UEA en Beaufort West, jam en la lasta jaro liveris al ni manuskripton de ŝlosilo en sudafrika (kabholanda) lingvo. Ni atendas la baldaŭan elvenon de tiu ĉi ŝlosilo ĉe la Centra Librejo en Hago, kun kiu ni faris interkonsenton pri tio. Nur se la ŝlosilo estos preta, ni povos ion novan entrepreni.

*Sudano egipta.* — Niaj samideanoj en Atbara fervore daŭrigis sian laboron. Ni korespondis kun ili pri diversaj aferoj. La reapero de la araba koresponda kurso estos utila helpo por revigligi la movadon tie.

*S. Tomas-insulo* (Portug. Gvineo). — Tie nia nigra amiko, S-ro M. M. Pina, fidele plenumas sian postenon. Ni bedaŭrinde ne ricevis raporton de li pri la stato de la kursoj, kiujn li organizis lastjare.

*Tanganjiko.* — S-ro John Williamson, misiisto en Dodoma, daŭrigas siajn rilatojn kun ni. En la nuna jaro, pro troa persona okupiĝo de li, ni ne povis instigi novajn propagandpaŝojn. Tamen povis esti finpreparata kaj kompletigata la manuskripto de ŝlosilo en suahila lingvo. Se ni povos solvi la financan flankon, la ŝlosilo baldaŭ povos eliri kaj estos valora helpilo por la propagando.

*Togo franca.* — Ĝojigan raporton ni povas doni pri la kunagado kun nia nigra korespondanto, S-ro Seth B. Anomah, komizo ĉe la Bremena misio en Lome kaj delegito de UEA. Ĉi tiu samideano, sub aparte malfacilaj cirkonstancoj instruas Esperanton al siaj samlandanoj. Multaj povas sekvi la instruadon nur per korespondo, ĉar mankas lernolibroj kaj ilia kono de franca aŭ angla lingvoj, en kiuj estas presitaj la lernolibroj, ne sufiĉas. S-ro Anomah kompletigas tian lernadon per klarigoj en evea lingvo. Laŭ nia iniciato li mem preparas ŝlosilon de Esperanto en evea lingvo. Ni esperas atingi la kreon de vortaro en tiu ĉi lingvo. La indiĝenoj fine plej bone konatiĝos al Esperanto pere de sia gepatra lingvo ol per nacia helplingvo. S-ro Anomah meritas nian publikan dankon pro sia fervora kaj sinofera agado. Ni esperas, ke li daŭrigos sian laboron kun plena sukceso.

Ankaŭ lian amikon, S-ron. Deodat Ignacio Quist, delegito de UEA en Palima, ni devas citi tie ĉi kiel viglan propagandiston.

Iom post iom Esperanto enpenetras ankaŭ en tiun ĉi landon. Por la kleraj indiĝenoj ĝi estas senfine valora kultur-instrumento.

Ni korespondis kun izolaj esperantistoj aŭ interesitoj en aliaj landoj de Afriko. Sistema laboro povas okazi nur tie, kie ekzistas taŭgaj kunhelpantoj kaj konformaj kondiĉoj ĝeneralaj.

La agadsfero estas tiel granda, ke ĝi donas laboreblecon por ankoraŭ multaj jaroj.

## AZIO

*Brita Nord-Borneo.* — Ni vivtenis la rilatojn kun nia korespondanto, S-ro R. J. Vaughan en Sandakan. Li helpis al ni en gazetara propagando. Apartaj cirkonstancoj tie ne permesas vastan propagandon. Ni devas kontentiĝi pri tio, tie havi apogopunkton de nia movado.

*Cipro.* — Post multjara serĉado ni tie nun havas korespondanton, grekan samideanon, S-ron Aĥilo G. Joannidis en Limassol. Li estas vigla propagandisto kaj ni rajtas atendi, ke iom post iom ni konstatos rezultojn de lia aktiveco en tiu ĉi insulo. Kiam ni redaktas ĉi tiun raporton, ni tie profitas subtenon de nia brita amiko, S-ro Inĝeniero J. O. Lechmere-Oertel. Post preskaŭ 4-jara for-malapero en Etiopio pro profesia laboro, li nun restas por ripozo kaj alklimatigo en Cipro. Laŭ nia invito li tuj kontaktis kun nia delegito, S-ro Joannidis, por kunlaboro.

*Fed. Malajo-ŝtatoj.* — En preskaŭ ĉiu granda urbo, troviĝas tie kelkaj izolaj samideanoj, ĝenerale ĥinoj. S-ro Kou Houĉio en Kuala Lumpur daŭrigis sian agadon. Tre aktiva ankaŭ estas S-ro Lusy Yong en la sama urbo. En Kuala Selangor nia korespondanto estas S-ro Hŭan Ĉikŭano. Propagando en ĥina gazetaro enlanda estas komencita.

*Hindujo brita.* — Estas jam malnova sperto, ke eĉ en la plej malfacila teritorio sukcesa agado povas esti entreprenata, se tie estas taŭga inicianto kaj gvidanto. Kaj okaza preparo ofte tre malfrue montras fruktojn. Tion ni mem povas konstati pri Hindujo brita. Izolaj samideanoj eŭropanoj kaj indiĝenoj troviĝas en pluraj urboj. Dank' al la klopodo de S-ro Paŝkevičius, litova samideano, vivanta de kelka tempo en Kalkuto, movado de Esperanto povis esti starigata. S-ro Paŝkevicius donis kurson de nia lingvo kaj nun instigis, ke esperantistoj kaj interesitoj estas kunigitaj en la Bengala Esperanto-Ligo. Prezidanto estas S-ro Dutt, sekretario S-ro N. K. Mitra. Malnovaj samideanoj, S-ro P. Shose, O. Smith kaj Sajed Ali, retroviĝis en la kurso

de S-ro Paškevicius. Ni deziras longan vivon al la nova ligo kaj daŭran rilataron kun nia centro.

Preparoj estas faritaj por kreo de ŝlosilo en hindustana (urdua), en bengala kaj hinda lingvoj. Pro la organiza disciplino de S-ro Paskevicius, aŭtoro de la litova ŝlosilo, ni feliĉe sciiĝis pri tiuj laboroj tiel frue, ke ni povas ilin valorigi por niaj koincidaj entreprenoj. De pluraj jaroj ni klopodas pri kreo de instruiloj en hindaj lingvoj. Ni komencis per kompiligo de manuskriptoj por ŝlosiloj de Esperanto. La afero ne estas facila. Sed nun ni feliĉe jam posedas perfekte preparitan manuskripton de ŝlosilo en guĝerata lingvo. Ni klopodos laŭ nia tuta povo pri aperigo. Nun detala korespondo okazas pri la diversaj projektoj de la nova ligo.

Nia hinda samideano, S-ro D-ro L. Sinha (Kalkuto), precipe konata en Svedujo, promesis al ni sian praktikan subtenon. Li, konante bone nian organizon kaj la bezonon por sukcesa agado, povos fari grandajn servojn al nia afero. Ni ĵus sciiĝis, ke li troviĝas denove en Skandinavio. Ni esperas pri lia efika kunlaboro tuj post reveno.

En *Travankoro* Frato Henry Josef, monaĥo de la Karmelita Misio en Kozhancheri, daŭrigas la propagandon, precipe por instruo de Esperanto al infanoj de la misio.

Nia multjara korespondanto, S-ro G. Marin, kiu kiel antropologo tramigras Hindujon de post kelkaj jaroj, dum sia vojo uzis multajn okazojn por propagando por Esperanto. Al li ni dankas konatiĝon al izolaj esperantistoj, nehavintaj rilatojn al nia organizo.

*Hindujo nederlanda.* — Ni ankoraŭ ne konas la efikon de la apero de l'malaja ŝlosilo, aperinta post plurjaraj malfacilaĵoj. Ni nur scias, ke S-ro. Liem Tjong Hie, nia delegito en Semarang sur Javo, daŭrigas sian regulan laboron por Esperanto. Sendube post iom da tempo fariĝos aktuala la demando pri organiza kunigo de ĉiuj esperantistoj. Prezentiĝas tie diversaj malfacilaĵoj pro leĝaj kaŭzoj kaj specialaj cirkonstancoj. Espereble ĉiuj estas venkeblaj por certigi la sukceson de nia tiea laboro. Ni havis la feliĉan okazon ricevi buŝan raporton de S-ro Buenting (Batavia), kiu vivinte dum 20 jaroj en la insulo konas la tutan situacion kaj pro sia aktiva kunlaboro en la movado povis doni al ni utilajn konsilojn.

Ni faris interkonsenton kun S-ro Liem Tjong Hie en Semarang pri eldono de ŝlosilo en java lingvo. Por pli poste, eldonoj en madura kaj sunda lingvoj estas projektitaj.

Ni devas ankoraŭ aparte mencii la efikan kunhelpon en la gazetara propagando de S-ro Kho Yok Siang, delegito de UEA en Lawang. Tiu ĉi samideano ankaŭ provizis sian servaŭtomobilon por transporto de ĵurnaloj inter Surabajo kaj Malango, per la surskribo en Esperanto : Gazeto-servo. Li meritas koregan gratulon.

Nia kunlaboranto en *Sumatro*, S-ro Sjamsoedin Rassat en Padang, daŭrigis la propagandon, precipe en la gazetaro. UEA kalkulas delegitojn en 12 urboj de nerdelanda Hindujo.

*Hongkongo.* — Izolaj samideanoj tiam kaj tiam aperas. Ni nun havas skribajn rilatojn kun S-ro. Ŝinjŭan Ĉen, kiu post forlaso de la Fed. Malajo-ŝtatoj nun estas instruisto tie ĉi. Ni atendas, ke restante tie por pli longa tempo, li sukcesos reviglìgi la Esp. rondojn en Hongkongo.

*Ĥinujo.* — Ankoraŭ ĉiam niaj rilatoj kun Ĥinujo estas nur okazaj. Ni korespondas kun izolaj propagandistoj en la lando. Ni fine ankaŭ sukcesis restarigi la rilatojn kun la Ŝanhaja Esperanto-Asocio. Ĝi estas nun la gvidanta asocio en la lando kaj laboras sufiĉe vigle. Ni atendas, ke iom post iom estos kunigataj la ĉefpropagandistoj por intima kunagado kun la Ŝanhaja Asocio. Izolaj esperantistoj ekzistas grandnombre.

La Ŝanhaja Asocio akceptis interkonsenton kun ni pri la aperigo de ĥina ŝlosilo. Ĝi aperos unue en la organo de la asocio kiel resuma kurso kaj poste estos reproduktata laŭ la norm-formato. La estraro esperas publikigi la ŝlosilon je la fino de 1934.

Ni ŝatus ankoraŭ pli oftan kontakton, precipe kun la Ŝanhaja Asocio, kaj klopodos pri tio.

*Indo-Ĥinujo.* — Esperanto faras apartan progreson en Anamo kaj Tonkino. La laboro, pri kiu ni raportis lastjare, tre favore disvolviĝis dank' al al laŭcela agado de tuta vico da novaj samideanoj indiĝenaj, sub la gvidado de nia korespondanto, S-ro Guérineau en Hanoï. La ĉefaj lokoj de aktiveco estas Hanoï kaj Haiphong, sed ankaŭ en la interno de l' lando izolaj samideanoj agas vigle. Lastatempe la antaŭe retenema gazetaro ekinteresiĝis por nia propagando. En la franclingva organo « La Patrie Annamite » nun aperas kurso de Esperanto. La anama gazeto « Ngo-Bao » kaj la franclingva « L'Annam Nouveau » publikigis artikolojn pri nia lingvo. En Hanoï 150 personoj ĉeestis provlecionojn de Esperanto. Kurso kun 87 lernantoj komenciĝis antaŭ nelonge. Ni ankoraŭ traktadas pri kompilo de manuskripto de ŝlosilo en anama lingvo.

*Irako.* — La rilatoj kun tiu ĉi lando plivastiĝis. Dume ni redaktas ĉi tiujn liniojn, ni ricevis informon, ke S-ro Massi en Basrah ankoraŭ vivas. Li intertempe edziĝis. Li nun interesiĝas denove al nia afero kaj ni atendas gravan helpon liaparte.

*Japanujo.* — Laŭ la raportoj ricevitaj, la movado estas tre vigla. Niaj japanaj samideanoj unuavice konsideras la praktikan signifon de nia lingvo. Krizo kaj inflacio ja senteble influis la agadon ; ĝenerale la movado tamen kreskas. Ni notis apartan progreson inter Oomoto-anoj. La organo de tiu ĉi organizo, pro siaj bonegaj aranĝo kaj enhavo, trovis grandan atenton ĉie.

S-ro Ŝindo-Seitaro en Osaka, estrarano de la Japana Esperanto-Instituto, estis kun ni en daŭraj rilatoj.

*Johoro.* — S-ro Ĉen-Ŝin-Juan, lernejestro en Muar, daŭrigas la korespondadon kun ni. Ni ankoraŭ ne ricevis raporton pri la rezulto de kurso organizita.

*Manĉurio.* Ni korespondis kun S-ro Univ. Prof. A. Abe, estro de la nutra fako de la Medicina Fakultato en Mukden. La tiea grupo ampleksas ĉ. 100 personojn.

*Mongolio.* — S-ro Prof. Junŝebu Rinĉino, estro de la sekcio lingvistika kaj literatura de la Scienca Komitato de l' Mongola Popola Respubliko, daŭrigis sian korespondadon kun ni pri praktika kaj scienca aplikadoj de Esperanto. Al S-ino. Radna en Ulan-Bator-Ĥoto ni helpis por havigo de esperanta kurso pri itala lingvo. Ni esperas, ke iom post iom la nombro de samideanoj tie pligrandiĝos.

*Palestino.* — Ni havis la kutiman kontakton. Iniciato de la samideanoj en Tel-Aviv sub gvidado de la delegito de nia asocio, S-ro Pinhas Lachovitzky, pri vasta publika propagando, tre sukcesis. La hebreaj gazetoj publikigis favorajn informojn pri Esperanto. F-ino Thea Kohn el Vieno faris sukcesplenan kurson.

Oni organizis en Jeruzalemo la 1-an Palestinan Esperanto-Kongreson. Laŭ raporto ricevita la kongreso tre sukcesis. Ĝi certe donis novan impulson al la fortoj tie agantaj.

*(Daŭrigo sekvos)*

# Literaturo

## Psikologia sperto pri Esperanto

Ne informitaj kleruloj imagas, ke Esperanto restis senviva kun sama vortareto kiel en 1887 kaj utilas nur en hoteloj aŭ stacidomoj. Fakte ĝi malmulte uziĝas en hoteloj, sed multe pli por kongresoj, teatro, somerkursoj, paroladoj kaj ĝenerala disvastigo de kulturo kaj homaraj sentoj.

La plej granda parto de esperanta literaturo konigas al ceteraj popoloj la animon de la plej malproksimaj aŭ malgrandaj nacioj, kies lingvoj estas nelernataj ekstere.

La gramatika bazo restis simpla kaj regula, sed la postuloj de kolora esprimado kreskigis la stilon kaj derivadon same kiel en ĉia ajn lingvo devigata kontentigi la bezonojn de natura uzado.

Tiun eksperimenton oni ĉefe rigardas kiel praktikan proponon por faciligi komunikadon. Fakte ĝi estas multe pli originala kaj rimarkinda kiel elemento de tuthomara patrujamo, kiu respektas la nacian senton kaj ne naskiĝis el antagonismo. Tio estas la « neŭtralismo », foje mokata de revoluciuloj.

Ĝi entenas ĝuste tiun amikeman mistikon — senkoleran kaj senmalaman — kiu mankis al la Ligo de Nacioj por varbi la koron de l'amasoj per lernejo kaj fervoro.

Kiuj preferas konservi anemian kaj malproksiman Ligon, tiuj kompreneble havas intereson forpuŝi Esperanton al aliaj Internacioj, kie ĝi povas nur ludi rolon de ilo oportuna, ĉar ili jam posedas sian propran mistikon, ĉu klasan, ĉu eklezian.

*« La perlingva potenco estas granda forto, konstatis la oficiala raporto, kaj la Ligo de Nacioj havas seriozajn motivojn por sekvi kun aparta intereso la progresadon de la esperantista movado, kiu povus iam grandrezulte efiki al la morala unueco de l'mondo, se ĝia disvastigo fariĝus ĝenerala. »*

Alia ebleco estas la tutmonda oficialigo de la angla kiel helpa mondlingvo. Tion kontraŭstaras Francujo kaj ankaŭ iom malfide timas aliaj nacioj, kiuj pliŝatus neŭtralan mistikon ol influon de unu grandpotenco kompreneble vastigotan per ties lingvo.

Ne la teoria ideo pri internacia lingvo kapablas interesi nin. Pri ĝi same kiel pri paco kaj senarmigo, ni aŭdis priparoli jam de generacioj. Centoj da aliaj vortsistemoj estis konstruitaj kaj ne sukcesis. Postvivis Esperanto pro sia sentoforto. Kio gravas, tio estas la sperto kaj la fakto pri tiulingvo sur la kultura kampo.

Naskita en tiu Polo-Litovujo, kie miksitaj gentoj kaj religioj interfrapas siajn antaŭjuĝojn kaj malamojn, Zamenhof proponis al popoloj homaran etikon, bazitan sur la respekto al la ceteraj. Li petis ilin allasi eĉ simpatie la kredon kaj lingvon de la ceteraj gentoj kiel egalajn laŭ rajto.

Por miksaj landoj li eĉ rekomendis neŭtralajn nomojn, kiel *Belgujo, Usono, Svislando, Serenisima Respubliko* (antaŭa Polo-Litovujo). Similan ideon jam ŝatis Napoleono, kiam li akceptis la nomon Ilirio por la regno de la Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj.

Se la germanlingvaj Alemanoj, kiuj fondis la svisan Konfederacion, estus nomintaj ĝin Alemanio, tiam la franclingvaj kaj italaj Romanoj ne havus en ĝi sian lokon egalan kaj liberan. Nur unu kvaronon ili reprezentas laŭ nombro, sed multe pli laŭ influo, ĉar ili sidas egale kaj la plimulto ne forigas, sed subtenas ilian apartan kulturon. Ano de la malplimulto rajtas tion konfesi.

Zamenhof klare vidis la solvon de la problemo : en miksa regno neniu privilegia nacio kredanta sin sola mastro kaj posedanto de la ŝtato. Interŝanĝe : lojalaj malplimultoj, kunlaboremaj, ĉar egalrajtaj.

Tian kunlaboradon de popoloj, konservantaj propran lingvon kaj animon, li konsideris ebla por la tuta mondo per helpa lingvo kaj homara etiko, universala kaj neŭtrala.[1]

Esperanton li iniciatis por disvastigi tian etikon. Pri liaj ideoj oni forgesis. Tamen iom post iom la disvastigo de la lingvo allogis ĉie parencajn pensantojn. Sufiĉe tipa estas la kutimo de la esperantistoj nomi sin reciproke *samideanoj*, eĉ se ili nescias precize kial. Pli ĝuste ili estas ĝenerale samsentanoj.

La sopiro al mondo federacia kaj tolerema ja bezonis esprimilon. Troviĝis Esperanto kaj utiliĝis kiel kanalo. Al la lingvo mem tiu fluo donis forton kaj vivon. La filozofia etiko de Zamenhof revenis en formo de popola sento. Liajn malnovajn broŝurojn pri *homaranismo* jam neniu legas. Nur la lingviston oni konas. Tamen ĝusta sin montris lia kalkulo. Lingvo disvastigas atmosferon. Samtempe ĝi loĝas al si ĉian sopiron komunan.

La sperto pri Esperanto kuŝas en tio, ke ĝi ebligis disfloriĝon de tiu fluganta sento, kiu bezonis esprimilon. La naskiĝanta kredo je unueco en diverseco, la homaro ekkonscia pri si mem kaj samtempe fidela je la naciaj valoroj, riĉaj je ĉarmo kaj koloro, jen tio, kio donis al Esperanto flugilojn kaj karakteron. Sen ia mistiko enkorpigota, neniam ĝi estus mem fariĝinta lingvo vivanta kaj kapabla servi al parolantoj por entuziasmigi aŭdantaron kaj rabi ploron aŭ rideton.

Tiu sperto vekas la scivolemon de lingvosciencistoj penantaj ekzameni la faktojn[2] sed ĝi eĉ pli multe interesas psikologojn kaj etikistojn, esplorantajn arajn mentalecojn. En la *interna ideo* de la esperantista mondo ili vidas kristaliĝon de tiu religia sento, kiu mankas al la Ligo de Nacioj. Ĉe lernejoj Esperanto montriĝis katekismo pli vivanta kaj pli efika ol diplomataj aŭ juraj formuloj.

Tiu sento estas tute malsama ol la klaskonscio, kompreneble multe pli potenca en la mondo. La laborista internaciismo devenis el batalo por socia egaleco. Malsimile esperantismo naskiĝis el simpatio kaj scivolemo pri la nacia vivo de la ceteraj popoloj, speciale la malgrandaj. Ĝi entenas la plezuron ilin koni kaj ilin trovi amindaj, ankaŭ la ĝojon konigi al ili la valorojn de la propra patrujo kaj pli ĝui siavice la fakton, ke tio plaĉas al ili.

El tio sekvas amikeco gajema kaj ia sento pri unueco kultura. Britoj, Francoj, Germanoj, Ĉinoj, Danoj aŭ Poloj estas fine nur homoj, ĉiuj kun similaj zorgoj. Kune oni ŝatus vivi pace. Kiam kutimon disvastigas Esperanto, tio estas fidema egaleco kaj reciproka respekto : ĉiuj nacioj kun egala rajto, neniu trudante sian lingvon al ceteraj, sed ĉiu konservante ĝin interne de siaj landlimoj.

*« Kio ĉefe impresas, skribis Inazo Nitobe, la japana senatano, kiu reprezentis la Ligon de Nacioj al pluraj Esperanto-Kongresoj, tio estas la unuanima kaj egaleca aspekto de tiaj kunvenoj pro uzo de unu komuna lingvo neŭtrala[3]. »*

Edmond PRIVAT

(El baldaŭ aperonta « Interpopola Konduto ».)

---

[1] Vidu : Vivon de Zamenhof, Leipzig, Hirt und Sohn, 1923

[2] Vidu Prof. MEILLET : *Les langues dans l'Europe nouvelle*, Paris, 1918.

[3] LIGO DE NACIOJ : *Raporto pri Esperanto* 1922. Vidu ankaŭ NITOBE : *The use and study of foreign languages in Japan.*

# Tallinn
## Ĉefurbo estona



Tallinn la ĉefurbo de l'Estona Respubliko, situata ĉe la pentrinda suda bordo de la Finna Golfo, pro sia milda klimato saneca kaj la belega ĉirkaŭajo, pro strategia kaj komerc-politike bona situo havis jam en pratempo gravecon unuarangan. Frutempan trafikon en tiu ĉi urbo konfirmis trovitaj germanaj, anglosaksaj kaj eĉ arabaj.

Por sin defendi kontraŭ rabadoj de normanoj estis konstruita fortikajo sur la 50 metroj alta Dom-Monto. En la 13-a jarcento, misia fervoro de romkatolikaj kristanoj, aventurema pasio de germanaj orden-kavaliroj kaj komerca energio de vestfaliaj komercistoj, igis Estonio kaj Latvio, centron de politikaj okazajoj. Post kiam Alberto, episkopo de Riga timante atakon rusan, petis helpon de Danlando, ties reĝo Valdemar II-a aperis, venkis la estonojn en sanga batalo. De tiu ĉi tempo datas la uzo de la Dana flago. La fortikajon li ĉirkaŭigis per muro kaj konstruis la unuan kristanan preĝejon en la lando, konserviĝinta ĝis nun.

Germanoj kaj danoj ekloĝis en Tallinn. Ili nomis la urbon *Reval* laŭ estona distrikto pratempa. Sed la estonoj nomis la urbon laŭ la fremdaj konkerintoj *Taani lin* laŭvorte *Dana urbo*, el kio fariĝis la nuna Tallinn.

En 1230 la ordeno invitis el Visby germanajn komercistojn, kiuj ekloĝis sur la deklivo de Toompea, fondinte tiel la nunan tielnomatan malsupran urbon de Tallinn, dum sur Toompea loĝis militistaj potenculoj kune kun la nobelularo kaj ekleziuloj.

En la jaro 1248, la malsupra urbo ricevis la Lübeck-an urbrajton. Pri la vigla trafiko kun Ruslando la urbo rapide kreskis kaj en 1284 eniris la Hansa-Ligon. Post detruo de Visby, konkuranto plej forta en la nord-oriento, Tallinn atingis la kulminacian punkton de sia prospero, tiel ke en 15a jarcento ĝis estis plej atentinda urbo ĉe la Balta Maro post Lübeck, Danzig kaj Riga. Tiun ĉi prosperon atestas eĉ nun la apartkaraktera aspekto de la urbo per siaj preĝejoj, malnovaj domoj kaj potencaj turoj, konserviĝintaj de tiu ĉi tempo.

Baldaŭ post la disfalo de la Germana Ordeno (1561) venis malfacilaj tempoj por Tallinn, ligita tiam kun Svedlando. Sieĝoj de Ivan la Kruela en 1571 kaj 1577 estis brave rebatitaj. Sed pro la transiro de la komerca ĉefrolo al Hispanujo Nederlando kaj Anglujo, malgraviĝis la trafiko al Tallinn.

Kiam la urbo en 1710, kapitulacianta al Petro la Granda, venis sub regadon de Ruslando, komenciĝis nova periodo prospera, sed baldaŭ ĝi devis subiĝi al pli forta konkuranto nome Petroburgo, la nova ĉefurbo de Ruslando. Nur post la malfermo de la Balta fervojo en 1870 komenciĝis por Tallinn nova prospero, ĝia loĝantaro kvinobliĝis, ĉefe pro la estonoj ekloĝintaj en la urbo. En 1904 la estona elektantaro venkis la familiojn patriciajn de germana deveno ĝis tiam regintaj la urbon. De tiam Tallinn fariĝis la centro de la estona kulturo, en certa grado avangardo por la sendependeco de la tuta lando. Tiun ĉi memstarecon oni proklamis en Tallinn la 24an de Februaro 1918. Nuntempe Tallinn kalkulas 133000 loĝantojn, el kiuj 83% estas estonoj, germanoj 8, rusoj 4, judoj 1,5%.

Fremdulon altiras unue la impona bone konserviĝinta 700 jara fortikajo kaj la malnova muro, ĉirkaŭita de la tielnomita verda zono, la ĉefturoj de la muro, preĝejetoj kun siaj historiajoj artvalorajoj. El la preĝejoj, la Sankta Olao havas pingle pintan turon, 130 metrojn alta. Speciala perlo estas la urbdomo kun originala minareta turo. Intereson meritas malnovaj burĝaj domoj kun pentrajoj, borso (1410) kaj la Domo de la Nigrokapuloj (Schwarzhäupterhaus). Kaj antaŭ ĉio la pentrinda panoramo de Toompea al la mezepoka urbo, kies randoj de domtegmentoj estas gajige blankaj, kaj al la golfoj inter ili duoninsulo kun fabrikoj al insuloj, de tie ĉi estas videbla la sunsubiro siaspece plej bela en tuta Eŭropo. Kaj de la turo « *Longa Hermann* » oni vidas la tutan urbon kaj giajn ĉirkaŭajojn.

Admirige impresas la diservoj en rusaj preĝejoj de grekkatolika eklezio. Tie ĉi troviĝas antaŭ majesta ĉefa teatro de la lando nun salonoj por dramo-opero opereto kaj por koncertoj. Konata estas Tallinn ankaŭ pro siaj manlaborajoj kaj frandaĵoj. Apud la urbo estas vasta parko kun historiaj vidindaĵoj el tempo de Petro la Granda, 6 km de Tallinn estas grandioza sabla marbordo Pirita kun ruinoj de monakejo ĉe samnoma rivero.

Kaj fine unika karakterizajo de Tallinn estas la bazaro kun sia diversspeca komercado kaj kolorabunda vivo speciale printempe kaj somere, kiam ĝi dronos en floroj.

Prilaboris A. Siitam.



# En Dalekarlio, la Koro de Svedlando

De Tib. Morariu

La homoj volonte iras la trafikitajn vojojn. Kie marŝos multaj, tien iras ankoraŭ pli multaj. Se ekzemple la turista fluo kondukiĝis sur certan vojon, oni tute ne devas dubi, ke tiu vojo iom post iom fariĝos pli, kaj pli glatigita kaj larĝigita per la paŝoj de l' vizitantoj kaj baldaŭ estos plena de turistoj. Kompreneble tio dependas ankaŭ de tio, ke la celo, al kiu kondukas la vojo, posedu specialajn belecon kaj agrablon allogajn por fremdaj turistoj. Jene okazis ekzemple en Dalekarlio, kiu sveda provinco plej unue estis malkovrita kiel turistloko, kaj ankaŭ hodiaŭ altiras milojn kaj milon da fremduloj. La plej multaj sekvas la malnovajn, konatajn vojojn al la pentrinda regiono de lago Siljan, samtempe riĉa je historiaj memoraĵoj : Rättvik kaj Leksand, Orsa kaj Mora, Tällberg kaj aliaj konataj lokoj, kie oni trovas ĉiuspecajn hotelojn de plej modestaj ĝis plej luksaj kaj eblojn por someraj kaj vintraj sportoj.



Post dimanĉa diservo

*E. A. Karlfeldt, la klasika sveda poeto ricevinta la Nobel-premion post sia morto, kiu naskiĝis en ĉi tiu provinco, diras : « Dalekarlio estas pli ol iu alia el niaj provincoj unuiĝo de multspecaĵoj. Ĝi estas kuntirita bildo pri nia lando, Svedlando en etigita skalo. »*

En neniu alia sveda landparto oni vidas tiome konservitajn tradiciojn ĉe la popolo, kiel ĉi tie : kolorriĉajn kostumojn ĉe la dimanĉa meso en belaj preĝejoj plenplenaj de piaj kredantoj, en la kadro de seriozaj, malhelverdaj pinoj kaj blanktrunkaj, sveltaj betuloj kun helverdaj fianĉinaj kronoj, bluaj lag-okulegoj, la ruĝruĝaj dometoj konstruitaj laŭ malnova stilo dalekarlia kaj same ruĝaj grenejoj kies fundamento apogas sin je kvar piedoj duonmetron altaj. (Ĉi lastaj, laŭ unuj, por pli malfaciligi la aliron por malbon-venaj mus-gastoj, laŭ aliaj por plifaciligi la laboron de ŝtelistoj, kiuj dum la malnovaj tempoj devis nur bori truon tra la libera fundamento kaj la greno mem elfluis en la pretigitajn sakojn...). Sed la dalekarlianoj mem rajte protestas kontraŭ tio, ke oni konsideru ilian



Rättvik-anino dum laboro. (Dalekarlio

landparton kvazaŭ etnologian muzeon. Dalekarlio ja intense kunvivas la kulturlaborojn de l' sveda nuntempo, egale bone ekipita koncerne naturfontojn kaj same moderna laŭ la ekspluataj metodoj, kiel alia sveda landparto. Kiu volas havigi al si ĝustan bildon pri ĉi tiu provinco, devas viziti ne nur la malnovajn provincajn bienojn kaj studi la festtagajn kutimojn, sed ankaŭ observi la laboron sur la kampoj, en arbaroj, minejoj kaj fabrikoj. Plurloke vivas ankaŭ nun belaj malnovaj tradicioj kaj Karlfeldt trafe komparas tiun ĉi nordan provincon kun Sudo : « La pleja kolorgajo de l' dalekarlianoj elfloras kiel dalekarlia herbejo printempe en Floda, kie la knabinoj dancas vestitaj per nuraj floroj kvazaŭ tahitaninoj. » Sed tiujn ĉi knabinojn kun la florbroditaj nacivestoj oni renkontas ne nur ĉe danco, sed ankaŭ ĉe laboro, sur biciklo, eĉ kondukantajn aŭtojn. La provincon trakrucas fervojaj kaj aŭtobusaj linioj, la riveroj estas regulitaj kondukejoj por flosaĵo, sur la ebenoj vigle krakas traktoroj, en la industriaj regionoj zuma labor-melodio flugas al ni de la segejoj, murmuras la generatoroj, kaj' gaje leviĝas fumkolonoj de la fabrikoj de lignomaso, kaj de la feruzinoj. Karlfeldt pravas, avertante la fremdulon, ke li ne atendu naturmiraklojn en Svedlando. Vere la grandiozajn Alpojn de Svislando aŭ ties fratojn, la majestajn Karpatojn de Rumanujo oni ne povas retrovi ĉe la norda naturparenco. Sed vi renkontos iun speciale nordan, iun nedireble allogan naturon, helajn somernoktojn kaj-kaj-kaj nu, mi intence ne volas malkaŝi ĉiujn sekretojn.

Tamen mi sciigos al vi kelkajn detalojn. Unue pri Leksand. Ĉi tiu regiono estas unu el la plej malnovaj fondaĵoj en Dale-



Malnova dalekarlia bieno

karlio, pri kio atestas ankaŭ multaj pratempaj trovaĵoj. La preĝeja kaj urba komunumoj kuŝas sur sabla ebeno inter Osterviken kaj (rivero) Dalälven, ĝuste ĉe la elfluo de la lasta el lago Siljan. La faman preĝejon povas samtempe eniri 5.000 personoj. La preĝejo devenas de la fino de la 11-a jarcento, sed ĝi trapasis multajn transformojn. Ĝian turon 3-foje ruinigis fulmofajro kaj la nuna turo kun sia buloforma kupolo konstruita en 1711 ŝajnas forte influita en sia arkitektura aspekto de la rusa stilo. La rekonstruadon ja gvidis pastro en Leksand, kiu pli frue estis unu el la tendaraj pastroj de Karlo la 12-a dum la rusa militiro.

Laŭ la tuta, longa aleo kondukanta al la preĝejo staras belaj betuloj kun trunkoj blankaj kvazaŭ vico da junulaj paroj ĉe konfirmacio... Kaj kiam la ĉefmeso finiĝas, el la preĝejo elfluas la amaso de l' kreduloj en siaj regularo, ne skriba, sed despli aplikata, laŭ kiu oni sin vestas por diversaj okazoj kaj festotagoj. Precipe por la virinoj. Mi ne sukcesis ellerni ĉiujn regulojn, tamen ni povas konsili al vi, se vi eble faros ekskurson tien ĉi, ne okulumu unuavice al tiuj dalekarlianinoj, kiuj havas blankan kufon, ĉar ĉiuj ĉi estas edzinoj kaj vi facile povas kaŭzi al vi malagrablaĵon ĉe la edzoj, sed prefere vi provu pli rigardi la knabinojn, kiujn vi rekonas pri la ruĝaj, aŭ alikoloraj kufoj. Belan panoramon vidas la fremdulo de ĉirkaŭaj altaĵoj, interalie de « Käringberget » aŭ la Sorĉistina monto, kie iam oni forbruligis la « sorĉistinojn », jen eble la kialo, ke ĉi tie nuntempe oni renkontas nur sanajn, fortajn, ruĝvangajn kamparajn feinojn...

De Leksand gvidas malnova vojo al Rättvik tra Sjugare kaj Bergsäng. Oni diras, ke iam, ĉe la konstruado de landvojo, oni fosis la sablogrundon ĝis 40-45 metroj kaj en tiu profundo oni trovis branĉojn, kiujn dum pratempoj la akvo portis tien; jenmaniere ricevis la geologoj respondon al multaj demandoj.

RATTVIK. Plej belan supervidon oni ricevas de sur la deklivoj de l' altaĵo de Lerdal, aŭ de la elvideja turo « Vida blick » (Larĝa vido) sur la krono de l' altaĵo. De la altkuŝa Röjerasen la okuloj povas ĉirkaŭkapti eĉ pli vastan vidaĵon super la romantika Siljan, kies naturo ĉi tie ricevas pli sovaĝan kaj grandiozan belecon. Sur promontoro elstaras la preĝeja turo kun aro da staletoj, grizigitaj de la tempo. La altstatura preĝejturo ĉirkaŭita de la naneca stalgrupo ĉe sia piedo, vere aspektas kiel ŝafisto kun ŝafaro. La tuta bildo elspiras pacon. La fremdulo ricevas klarigon pri la signostaloj, ke ili restis de malnova tempo, kiam oni ankoraŭ veturis per ĉevalaj veturiloj kaj ĉiu pli bonstata vilaĝano havis konstante sian stalon apud la preĝejo, kie ripozis liaj ĉevaloj dum la dimanĉaj mesoj. Alia longega kaj malalta konstruaĵo vekas la scivolon. Ĝi estis iam boatejo, kie oni konservis longan boaton en kiu alvenis 15-20 paroj de la transa bordo de lago Siljan. Nuntempe vaporŝipo veturas sur la lago kaj la fremda vizitanto tuj ĉe la stacidomo ricevas okazon por bela kaj saniga promeno sur la longa ponto kiu kondukas al la ŝiphaveneto. Senpolva, freŝiga aero vastigas la pulmojn kaj la koron jen ĝojigas la vido de oro pentrita surakven de sunpentristo per radipenikoj, aŭ romantikeca arĝento ĵetita de lunreĝisoro sur la lagspegulon. Dum sunriĉa somertago, oni apenaŭ povas kontraŭstari al tento por « trempi sin » en la ondojn de l' eleganta strandbanejo, aŭ-iom rostigi sin sur la delikatsabla bordo.

En Rättvik oni renkontas precipe virojn nacivestitajn. La altkreskaj maljunuloj kun arĝentaj harbukloj, en siaj bluaj nacikostumaj jakoj, unuamomente impresas kiel pensiitaj, honorindaj pastroj, sed la mallongaj pantalonoj kun longaj ŝtrumpoj kaj ĉe la genuo kun pendantaj ledaj maŝoj kaj kotonaj, pilkformaj globetoj, memorigas pri ceremonia kostumo de malnovepoka kortegano.

La belajn teksaĵojn de la dalekarlianoj volonte aĉetas eĉ la sveda kortego. Oni diras, ke dalekarliano foje vendis tapiŝojn al la nuna konprinco Gustav-Adolf. Li demandis : ĉu vi vere kutimas diri al ĉiu « ci »? La dalekarliano, kiu bone sciis pri la alta deveno de sia kliento, respondis : « Jes, ni diras « ci » al ĉiu, krom al *ci* kaj *cia patro*. »...

Interesan laborstudon oni povas fari en *Insjön*, en paroĥo Al, kie iam estis fiŝistaj praloĝantoj, poste grava minindustrio, kaj nuntempe la plej granda entrepreno estas segejo kun fabrikado de kestoj kaj pograndaj aĉetantoj el Aŭstralio kaj Afriko, krome pretaj lignodomoj, kiujn oni ekspedas eĉ al Palestino. Interesa estas la historio de la firmo « Ahlen & Kompanio » fondita en Insjön en 1899 de du junuloj kun apenaŭ kelkaj kronoj en la poŝo. En 1915 la firmo translokiĝis al Stokholmo kaj nun ĝi estas laŭdire la plej granda firmo de Eŭropo, kiu dislokigas siajn varojn — ĉirkaŭ 20.000 diversajn artiklojn — kiel poŝtajn sendaĵojn, havante ½-milionon da konstantaj klientoj. Jen kion atingas dalekarlia persisto.

3 kilometrojn de la fervojstacio de Insjön kuŝas la tekslernejo kaj gastejo de SATERGLANTAN. Tie ĉi, en mejlolarĝa pinarbarego, estis iam malnova paŝtejo, fama pri la vasta kaj bela elvido super Al kaj Insjön kaj ankaŭ super la arbara kaj monta regiono ĉirkaŭ Leksand. La tekslernejon oni fondis por konservi kaj evoluigi la tradician teksarton, kiu de jarcentoj floras en Dalekarlio. Oni ankaŭ nune kulturas linon en multaj kortoj kaj preparas ĝin mane laŭ malnova maniero, kiu resorĉas al ni la fabelregnon de la infanaĝo... Dum la vintro zumas ŝpiniloj preskaŭ en ĉiuj hejmoj.




La Rättvik-a preĝejo kun malnova stalaro

En la pentrinda Gagnef estis iam la centro de la ŝatata dalekarlia puntindustrio. Ŝparemaj homoj loĝas tie. Pluraj el dalekarliaj kamparanoj kaj laboristoj vivas laŭ standardo atingita nur en la plej evoluintaj landoj de Ameriko kaj Eŭropo, la nivelojn de pluraj oni eĉ superis en Svedlando.

La KOPPARBERGA kupromineje, dumlonge unu el la plej unuaj minejoj de la mondo, donis la necesan ekonomian forton al Svedlando dum la epoko kiam ĝi estis grandpotenco. En GRANGESBERG malnovega kaj grandsignifa ferminejo meritas atenton. En Dalekarlio troviĝas la plej grandaj feruzino kaj paperfabriko de Svedlando. La fremdulon en ĉiu komunumo salutas majstango vestita per verdaj girlandoj kaj aliaj simboloj de fruktodono, abundeco. Malnova kaj nova iras manen-mane en Dalekarlio, romantike heoreca pasinto renkontas moderne pulsantan nuntempon.

# Diversaĵoj

## Esperanto inter blinduloj

Ni esperas iom interesigi la legantojn, rakontante kiamaniere oni disvastigis Esperanton inter la blindaj homoj.

Théophile Cart estas la vera iniciatinto de la Esperanto-movado inter la blinduloj de la tuta mondo.

Komprenante kiom multe helplingvo utilus al la blindaj homoj, se oni uzus ĝin laŭ la brajla sistemo, tiu fama franco decidis propagandi la lingvon al niaj gefratoj nevidantaj.

Al tiu nobla celo li dediĉis sian tutan vivon, helpita nur de kelkaj sindonemaj gepioniroj blindaj kaj vidantaj.

Dum la jaro 1904, Théophile Cart publikigis brajle, en kelkaj lingvoj, sian mondfaman lernolibron *Esperanto en Dek Lecionoj*; li ankaŭ aperigis kelkajn aliajn lernolibrojn nepre necesajn por la lernado de Esperanto. Li samtempe organizis kursojn en diversaj lokoj, por ke la blinduloj pli facile lernu la lingvon de Zamenhof. Tiuj klopodoj fariĝis plene fruktodonaj kaj rapide kreskis la nombro de niaj senlumaj gesamideanoj. Baldaŭ poste, nia kara mortinto paĉjo Cart donis al ili komunan interkomunikilon, publikigante la faman brajlan gazeton la Esperanto Ligilo. Tiu interesa revuo estis akceptita kun granda ĝojo. Ĉar ĝi estas vera ligilo inter ĝia legantaro. Ĝi informadis al ili precipe la okazintaĵojn en la mondo de la blinduloj.



Harald Thilander,
Redaktoro de Esperanto Ligilo.

Plie, pere de Esperanta Ligilo, la blinduloj kapablis korespondi kun fremdaj gefratoj samsortaj, aŭ eĉ kun vidantaj gesamideanoj konante la brajlan sistemon. Per tia korespondado la blinduloj trovis grandan utilecon kaj precipe tre agrablan distriĝon.

Ni aldonu pri Esperanta Ligilo, ke ĝi estas fondita dum la jaro 1904 kaj konstante aperas akurate ĝis nun. Tiu gazeto estas monsubtenata de dudek tri blindulorganizaĵoj el dekkvin eŭropaj landoj.

La mondmilito ja malhelpis la disvastigon de Esperanto inter la blinduloj same kiel inter la vidantoj. Tamen dum la jaro 1919 Esperanto estis denove fervore lernata kaj uzata de la blinduloj.

En 1923 oni organizis la universalan asocion de la blindaj esperantistoj. UABE havis siajn delegitojn en dudeksep landoj kaj sep membran, universalan komitaton.

Multaj scias, ke niaj blindaj gesamideanoj organizis en Kolonjo 1933, la dekduan universalan kongreson de blindaj esperantistoj kiu plene sukcesis.

La nombro de la blindaj esperantistoj atingas eble kelkajn milojn. Tiu nombro verŝajne malalta, estas tamen laŭ proporcie multe pli granda ol tiu de la vidantoj.

Niaj blindaj gesamideanoj povas prunte ricevi multajn librojn en esperanta brajlo kopiitaj de bonkoraj vidantaj samideanoj. Tiujn librojn posedas kelkaj porblindulaj bibliotekoj el diversaj landoj.



W. P. Merrick,
Shepperton, Kasisto de UABO

Ni diru ankaŭ ke estas aĉeteblaj proksimume sesdek verkoj en Esperanto brajle presitaj. Sed tiuj libroj estas ĝenerale tro multekostaj. La estroj de la blindullernejoj kaj organizaĵoj en diversaj landoj pli kaj pli bone komprenas la utilecon de esperanto por la blindularo. Pro tio ili organizas kursojn, presigas brajle lernolibrojn, verkas artikolojn en la brajlaj gazetoj, kaj parolas favore pri nia kara mondlingvo.

Per tio estas facile konstati ke Esperanto progresadas pli kaj pli inter la blinduloj.

Pro diversaj kaŭzoj, kiujn mi ne povas klarigi per tiu artikolo, la libroj brajle presitaj kostas almenaŭ dudekoble pli ol la libroj nigre presitaj. Pro tio ili estas tre maloftaj kaj havas nemultajn aĉetantojn, ĉar la blinduloj estas ĝenerale malriĉaj. Tamen ili bezonas librojn tute same kiel la vidantoj. La porblindulaj presejoj hezitas eldoni librojn brajle ĉar ili estas multe kostaj kaj estas vendeblaj nur po kelkaj ekzempleroj de iu ajn verko en ĉiu lando. Nia kara esperanto povas tamen solvi tiun malfacilan problemon.

Se anstataŭ eldoni brajle iun libron ĉiulingve, oni presigus ĝin nur en Esperanto, estas evidente ke tiu verko estus vendata tra la tuta mondo por sufiĉe malalta prezo.

Tiu fakto ŝajne pli kaj pli efektiviĝas en la blindulmondo.

Per helpi pli multe al la blindularo UABE ŝanĝis siajn statutojn en la jaro 1931 por fariĝi la Universala Asocio de Blindulorganizaĵoj. Tiu asocio celas kunigi pere de Esperanto la blindulorganizaĵojn de la tuta mondo, por ke ili povu pli energie kaj efike kunlaboradi sur la internacia kampo. Tion komprenis jam dekok blindulorganizaĵoj kiuj aliĝis al UABE dum la jaro 1932.

Per tiu resumeto de la Esperanta-movado inter la blinduloj niaj legantoj komprenos ankoraŭ pli bone ke Esperanto estas vere necesa ilo por ĉiu fako de la homaro.

Johano Pascal,
*Ĉefdelegito belga de UABO, Bruselo.*

# Universala Esperanto - Asocio



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

26-a Administra jaro 1934 :
N-ro 7 — Julio 1934

Bankkonto :
Société de Banque Suisse
(Schweizerischer Bankverein), Genève
*Svisa Poŝtĉeko:* Genève I. 2310.

*Jarlibro 1934.* — Pro kaŭzoj ne komunikeblaj tie-ĉi, la presado prokrastiĝis. Ĉio estas farita por ke la forsendo okazu *antaŭ* la fino de la nuna monato. Personoj ne-ricevintaj ĝin je utila tempo bonvolu averti la Centran aŭ Teritorian Oficejon.

*Oficiala bulteno 31.* — Eliris dum tiu ĉi monato al la Delegitoj de UEA, oficiala bulteno. Kun ĝi estas sendataj, gvidfolioj de Aachen (Aix-la-Chapelle) kaj Danlando.

*Kongreso kaj libertempo.* — Dum monato Aŭgusto haltas iom la respondado al korespondajoj pro foresto de la du Direktoroj al la kongreso kaj libertempo de oficistoj.

*Subtenantoj.* — La jenaj samideanoj bonvolis aliĝi kiel subtenantoj :

### Sepa listo

226. S-ro André Schild, Basel Svislando.
227. S-ro Gilliamo Chou, Singapore, Hindujo.
228. Sennomulo.
229. S-ro Oskar Berting, Palanga, Litovio.
230. S-ro Howard B. Frost, Riverside, Usono.
231. S-ro Harry Hawker, Bronx, Usono.
232. S-ro E. B. Billings, Elmira, Usono.
233. S-ro Fritz Mitschke, New-York, Usono.
234. S-ro Berthold Schmidt, New-York, Usono.
235. S-ro Rob. Donetti, New-York, Usono.
236. S-ro Fred. L. Wharff, Berkeley, Usono'
237. S-ro Stuart E. Kittredge, Hartford, Usono.
238. S-ro Joseph Dubin, Philadelphia, Usono.
239. S-ro Gustave Vermandere, Antwerpen, Belgujo.
240. S-ro F. H. Lockyer, Liverpool, Britlando.
241. S-ro Henri Petiau, Gand, Belgujo.
242. S-ro Robert Groverman, Gentbrugge, Belgujo.
243. F-ino Yvonne Thooris, Bruges, Belgujo.
245. S-ino Staes van de Voorde, Koekelberg, Belgujo.
246. S-ro Emile Jacques, La Louvière, Belgujo.
247. S-ro Max Bolsius, Antwerpen, Belgujo.
248. F-ino M. Claeyssens, Gand, Belgujo.
249. S-ro C. A. A. Haccou, Batoe, Ned. Hindujo.
250. S-ro Wilhelm Baaten, Utrecht, Nederlando.
251. S-ro S. Miedema, Leeuwarden, Nederlando.
252. D-ro Prof. A. F. Holleman, Bloemendaal, Nederlando
253. F-ino T. H. Bakker, Hilversum, Nederlando.
254. S-ino A. Grossmanova-Vamberova, L. Bohdanec. Ĉeĥoslovakio.
255. S-ro Sandor Weisz, Banska Bystrica, Ĉeĥoslovakio.
256. S-ro Karel Janoušek, Novi Hradec Kralové, Ĉeĥosl.
257. S-ro František Radek, Praha, Ĉeĥoslov.
258. S-ro Jaroslav Hetfleiŝ, Runina, Ĉeĥoslov.
259. D-ro David Balazs, Košice, Ĉeĥoslov.
260. D-ro St. Kamaryt, Bratislava, Ĉeĥoslovakio
261 S-ro Otto Sklenĉka, Hradec Kralové, Ĉeĥoslov
262. S-ino Bozka Sklenĉkova, Hradec Kralové, Ĉeĥos.
263. S-ro Jaroslav Mastny, Olomouc, Ĉeĥoslov.
264. S-ro Antonin Kudela, Olomouc, Ĉeĥoslov.
265. S-ro Jaromir Reviĉek, Olomouc, Ĉeĥoslov.
266. D-ro Josef Fousek, Prelouĉ, Ĉeĥoslov.
267. S-ro Karlo Ŝmid, Liblice, Ĉeĥoslov.
268. D-ro Paulo Dolak, Spisské, Vlachy Ĉeĥoslov.
269. S-ro A. C. Runkel, Milwaukee, Usono.
270. S-ro O. Munzer, Milwaukee, Usono.
271. S-ro T. Kuwahara, Osaka, Japanujo.
272. S-ro Dreves Uitterdijk, Hilversum, Nederlando.
273. D-ro A. Couto Fernandes, Rio de Janeiro Brazilo.,
274. D-ro Carlos Domingues, Rio de Janeiro, Brazilo.
275. D-ro Carlos de Costa Porto Carreiro Neto, Rio de J.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Britlando

*Basingstoke* (Hampshire). — D : Herbert Woolgar, 151 Winchester Rd.
*Gerrards Cross* (Buckinghamsh.). — D : F. S. Leigh-Browne, instruisto, Windyridge, St. Mary's Way.

### Bulgarujo

*Bela-Slatina* (Vratza). — D : Mar. Mark. Carvulkov, komercisto.
*Orehovo a.D.* (Vratza). — D : D. D. Vasilev, jurnalisto, Miladinovi 4.
*Saladinovo* (Pazarĝiŝko). — D : J. H. Stojanov, terkulturisto, selo.

### Ĉeĥoslovakujo

*Klobouky u Brna* (Moravio). — D : Frank J. Sykora, ŝtata oficisto, Nadrazni ulice 553.
*Lubna* (Bohemio). — D : Jan Vecere, bakisto kaj komercisto.
*Runina p. V. Polana* (Slovakio). — D : Jaroslav Hetfleiŝ, financa limgardisto.
*Sabinov* (Slovakio). — D : Wilhelm Hennlich, Masarykova ul. 31.
*Staré Mesto u Frydku*, 74 (Silezio). — D : Dom. Susovsky, oficisto.
*Vodnany* (Bohemio). — D : Rudolf Prucha, komercisto, no. 29.

### Ĉinlando

*Jaiyuan* (Shan-Shi). — D : Gong-Chjuan Guan, instruisto, 7 Si-Hou-Shiao-Her. VD : Dĝuo Chou, radiost., 7 Si-Hou-Shiao-Her.

### Danlando

*Aalborg* (Jutland). — D : Oscar Hvidbjerg, horloĝisto, Slotsgade 23b. VD : C. B. Mathiassen, instruisto, Karlundsvej 3.
*Haderslev* (Jylland). — D : Peter Frey, instruisto, Clausensvej 26.
*Soender Vissing* (Jylland). — D : Kjartan Moller, instruisto.

### Franclando

*Amboise* (Indre-et-Loire). — D : Albert Magnant, 79, rue des Tours.
*Cancon* (Lot-et-Garonne). — Pierre Louis Chabrié, komercisto.
*Chamonix-Mont-Blanc* (Hte-Savoie). — D : Julius Kreibig, Hôtel Métropol.
*Divonne-les-Bains* (Ain). — D : Michel Mario Gaido, Case 17.
*Hirson* (Aisne). — D : Maurice Mitelette, kuracisto, rue de Vervins.
*Rosendael* (Nord). — D : Claude Vernay, oficisto, 33, rue Marceau. VD : Fernand Vancassel, profesoro, rue de la Tente Verte.
*Sablé* (Sarthe). — D : Louis Eschenbrenner, komerca direktoro. VD : Henri Micard, instruisto, Epineux-le-Séguin.
*Viterne* (Mthe-et-Moselle). — D : Jean Weber, arbo-kulturisto.

### Germanujo

*Bacharach* (Rheinland). — D : Ernst Hahn, bankoficisto, Langstr. 29.
*Gross-Kauern* (Schlesien). — D : Gottlieb Surek, ĉarpentisto.
*Hochheim am Main* (Hessen-Nassau). — D : Josef Denèffe, librobindisto, Frankfurterstrasse 4.
*Keldenich* (Rheinland). — D : Matthias Esser, Unterdorfstrasse 44.
*Penig* (Sachsen). — D : Alfred Irmscher, lignajisto, Enge Gasse 7.
*Wesseling* (Rheinland). — D : Franz Froitzheim, selisto, Hauptstr. 66. VD : Jakob Schmitz, librotenisto, Keldenicherstrasse 30.
*Wüstegiersdorf* (Schlesien). — D: Ernst Hoffmann, seruristo, Bahnhofstrasse 24 b, Donnerau ĉe Wüstegiersdorf.
*Zwickau* (Sachsen). — D : Willy Weidauer, oficisto, Elsässer Str. 24.

### Hispanujo

*Badajoz* (Ex'tremadura). — D : D-ro med. Rafael Fiol Paredes, kuracisto, direktoro de Hospital militar.

### Hungarujo

*Koveskut* (Vasmegye). — D : D-ro med. Géza Halmagyi, distriktkuracisto.

### Irlando

*Carraig Dubh* (Bakile Atha Cliath). — D : Lorcàn O hUoginn, Malfield.

### Maroko

*Ain-Taoujdat* (Meknès). — D : Lino Huguet, Ferme du Val d'Andorre.

### Nederlando

*Ten Boer* (Groningen). — D : F-ino Aafke Hoving, Damsterdiep.

### Niger

*Téra* (Franca Orienta Afriko). — D : Charles Lichtenberger, Chef de Subdivision.

### Pollando

*Roznow k Zablotowa.* — D : Andrij Krasowski, verkisto.

### Svedlando

*Arboga* (Västmanland). — D : C. E. Bergström, studento, Egebo. VD : F-ino Ellen Berggren, komizio, Ekhult.
*Enskede* (Stockholm). — D : Sune Lennart Kjellander, De gamlas väg 7.

*Falköping* (Västergötland). — D : Axel Noren, kontoristo, Linnégatan 5. VD : Nils Sigurd, fervojisto, Berzeliigatan 17.
*Genevad* (Halland). — D : Bertil Zell, komizo. VD : Bernhard Hakansson, terlaboristo, Agard.
*Hällekis.* — D : Elis Andréason, komercisto, Kooperativa.
*Jädersbruk* (Västmanland). — D : Karl Haglund, instruisto.
*Leksand* (Dalarme). — D : John Polgärd, policisto, Box 308.
*Nässjo* (Smäland). — D : Oscar Hugo Andersson, fervojisto, Sörängsvägen 39. VD : Martin Josua Fejdo, Rädhusgatan 40.
*Rämshyttan* (Dalarma). — D : John Broman, mekanikisto, Hästberg.
*Ronneby* (*lekinge*). — D : Nils Andersson, fervojisto, Brevl. 308.
VD : F-ino Lila Thulin, instruistino, Johannishus.
VD : F-ino Torborg Björksten, libristino, Villagatan 3.
*Säterbo* (Västmanland). — D : Gottfrid Lönnberg, instruisto, Arboga.
*Skara* (Västergötland). — D : Gustav Hedert, maŝinisto, Elektricitetsverket.
*Ulricehamn* (Västergötland). — D : Georg Carlander, komercisto.
*Valdemansvik* (Ostergötland). — D : Kuno Larsson, tanisto, Norrgatan 1. VD : Alvar Carlsson, tanisto, Bergudden 3.

### Urugvajo

*Sarandi* (Durazno). — D : Guillermo Rego.

### Usono

*Houston* (Texas). — D : Charles Sanderf, 2620 Wheeler Avenue.
*Middletown* (Delaware). — D : Gilbert Nickel, lernejestro.
*Poy Sippi* (Wisconsin). — D : Alvin Ziegenhagen, desegnisto.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

### EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :

Ne plu estas D en jenaj lokoj :

*Aŭstrujo:* Krems a.D. ; Stein a.D.
*Britlando:* Moreton ; Pontypool ; Tamsgate.
*Ĉeĥoslovakujo:* Liptovsky Sv. Mikulas ; Topola.
*Francujo:* Cahors, Marignier.
*Hungarujo:* Szombathely. *Maroko* : Meknès.
*Nederlando:* Appingedam ; Eelderwolde (Haren).
*Polujo:* Gdynia-Chylonja. *Svisujo:* Château d'Oex.

*Statistiko de la Delegitoj :*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Majo 1934 | 2.012 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | 15 lokoj |
| | 1.997 lokoj |
| Novaj lokoj de 15 Majo ĝis 15 Junio 1934 | + 56 lokoj |
| Stato je la 15 Junio 1934 | 2.053 lokoj |

Genève, 30 Junio 1934. Hans Jakob, Direktoro de UEA.

# Bibliografia Servo de UEA

### Donaco

S-ro Paul Blaise, London, bonvolis transdoni de donacinto :
SCHLEYER, JOHANN MARTIN : Grammatik der Universalsprache für alle gebildete Erdbewohner. Zweite Auflage. Von.................. Redaktör und Pfarer von Lizelstetten und der Insel Mainau bei Konstanz in Baden.
Überlingen am Bodensee. 1882. In Kommission der Buchdruckerei von August Feyel (135 pĝ., 16,5 × 12 cm.).

Krom tio S-ro Blaise transdonis ventumilon kun subskriboj de 50 eminentaj esperantistoj, krestomation kun dediĉo de D-ro Zamenhof, kaj fine ekzempleron de Universal, lernolibro de lingvo kreita de Prof. Molenaar.

### Novaj libroj 1934

*** BES-a Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj. Eldonis Bohema Esperanto-Servo, Potŝtejn, Ĉeĥoslovakujo. 100 paĝoj. Formato 11,5 × 14,5 cm. Prezo fr. sv. 1.— (1934-21).

JULIO BAGHY : La teatra korbo. Eldono de la geamikoj de l'aŭtoro. (Administranto : J. de Ren, *Leiden*, Cobetstraat, Nederlando.) 110 paĝoj. Formato 11,5 × 16,5 cm. (1934-22).

KAN KIKUCI : Amo de Toojuuroo kaj du aliaj teatrajoj. Tradukis el la japana lingvo : Joŝiŝi Ŝimomura. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 88 paĝa. Formato 20 × 13,5 cm. Prezo broŝurita fr. sv. 1.20 plus 10 % por sendkostoj. (1934-23).

K. R. C. STURMER : Notlibro de praktika Esperantisto. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 128 paĝa. Formato 13,5 × 20 cm. kun dukolora kovrilo. Prezo broŝurita fr. sv. 2.50, bindita fr. sv. 4.— plus 10 % por sendkostoj. (1934-24).

*** Petro, kursa lernolibro, 6-a eldono (nova kompostajo). 116 paĝa. Formato 12 × 17 cm. Prezo broŝurita fr. fr. 6.— plus 10 % por afranko. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda (S.A.T.), 67, av. Gambetta, Paris 20. (1934-25).

PAUL GILLES : Skizo pri filozofio de la homa digno. El franca lingvo Tradukis E. Lanti. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, (S.A.T.) 67, av. Gambetta, Paris 20. 148 paĝa. Formato 13 × 19 cm. Prezo broŝurita fr. fr. 12.—, plentole bindita fr. fr. 17.—, plus 10 % por afranko. (1934-26).

S. GRENKAMP-KORNFELD : Ĉu vi aŭdis tion ? Eldono de la Esperanto Instituto, Venlo (Nederlando). 46 paĝa. Formato 14 × 20 cm. Prezo fl. 0.60. (1934-27).

# Turisma Servo de UEA

### Tirolo

« En sankta land' Tirol', » finas hejma kanto germana, gloriganta heroon Andreo Hofer. Kio por germano estas la Bavaraj Alpoj, por sviso la Berna Oberland, tio estas Tirolo por Aŭstrio : esprimo de forta propreca volo decidi pri si mem. Tio kreas karakteron tute originalan, ofte ne komprenitan de urbanoj. Kiu amas kaj konas la altan montaron, komprenas ke ĝi formas siajn loĝantojn ; krutajn deklivojn apudas delikataj valetoj, kaj tiel estas kun la montarana karaktero.

En la senfina vico de belaj regionoj de Aŭstrio, oni ne forgesu Tirolon. Konatigas ĝin bela faldprospekto, kolore presita, 15 bildoj. Utilaj, praktike aranĝitaj informoj pri ekskursoj. restado, vojaĝado, k.t.p. Malgranda karto geografia kompletigas la tuton.

Eldonis ĝin la Landesverkehrsamt für Tirol, Landhaus, *Innsbruck*. Oni petu ekzempleron rekte laŭ tiu ĉi adreso.

### Oslo

La vojo por la kongresurbo-Stockholm estas al nordo, por la plimulto. Estas ankaŭ por multaj unika okazo viziti la aliajn landojn skandinavajn, precipe Danlandon kaj Norvegon.

Oslo la ĉefurbo norvega havas siajn ĉarmojn, kiel montras faldprospekto altforma, eldonita en Esperanto de la Reisetrafikförening for Oslo og Omegn.

### Aachen

*Aix-la-Chapelle - Aquisgran.*

Ĉie kie pasis romanoj antikvaj restis postesignoj. Lingvoj modernaj, civilizo, juro, ĉio memorigas je ilia potenco. Ili konigis la vinberplantadon kaj por kuraci la ne-eviteblan artriton rezultiĝantan el vintrinkado, malkovris la influon internan kaj eksteran de mineralaj akvoj. Kie ni renkontas loknomojn kun Aigues, Aix, Aach, Aa, ĉiam temas pri akvo. Tiel klariĝas la germana formo Aachen.

Arta faldprospekto kun 6 bildoj, plumdesegnaĵoj, kun tre bona ne tro reklama teksto informas konvene, precize kaj klare pri ĉio sciinda. Lingvo tre bona kaj plaĉa. Eldonis la gvidfolion la Urba Trafika Oficejo, (Städt. Verkehrsamt, Monheims-Allee, Aachen) Ĝi estis dissendita al la Delegitoj de UEA kun Oficiala Bulteno 31.

# Kongresoj

## Hungara

La 2-3an de Junio okazis post naŭ jara paŭzo, denove landa kongreso en Hungarujo dank' al la sindona laboro de debrecenaj HES-grupanoj. Sub prezido de Julio *Baghy* okazis landa ekzameno pri parolo kaj kursgvidado. La 3-an matene ĉe la stacidomo skoltoj honorstaris kun flagetoj ĉe alveno de la budapesta vagonoro. En ĝi 25 esperantistoj venis kun eksministro D-ro Agost de *Benárd*, kiun oficiale salutis esperantlingve en nomo de la urbo D-ro Istvan *Jóo* urba konsilanto, prezidanto de la debrecena HES-grupo. Sub gvido de la skolta roto enmarŝis la esperantistaro tra la ĉefa strato al la malnova reformita kolegio, en kies festĉambrego okazis la solena kunsido sub prezido de D-ro *Benárd*. Multaj interesaj kaj valoraj salutparoladoj aŭdiĝis, inter ili precipe menciinda estas la saĝaj vortoj pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn de D-ro Lajos *Ady* — frato de la konata poeto — lernejdistrikta ĉefdirektoro. Salutis inter aliaj la reprezentantoj de la urbo, de profesoroj, de skoltoj, de la komerca ĉambro, de Rotary Klubo, de la Turista Ligo, de diversaj esp. societoj. En nomo de UEA, ĉefdel. P. *Balkanyi* esprimis la deziron, ke sukcesu la komuna kunlaboro de la diversaj landaj neŭtralaj societoj. Pri tio dum la posttagmeza laborkunsido prezentis interesan projekton Julio *Baghy*, kiu jam dum la festkunsido per grandioza parolado atakis la korojn de la ĉeestantoj por ilin konsciiĝi al kuna, organizita laboro. Speciala parolado estis pri la vidpunkto de la gepatroj ĉe la Esp. instruado, prezentita de lernejseminaria profesoro Joszef de *Mihalik*, kun varma intereso akceptita. La kongreso — kies sukceson ebligis la lerta gvido de la aferoj per D-ro Vilmos *Zempléni*, UEA delegito Géza *Berki*, József *Mátyás*, Karlo *Payer*, D-ro *Bakó*, E. *Fejér*, skolto J. *Nebauer* kaj aliaj — akceptis multajn rezoluciojn, inter ili ankaŭ *rekomendon aliĝi al UEA*. Eksministro D-ro *Benárd* publike malfermis la Landan Esp. *Ekspozicion*, aranĝitan samtempe por la Debrecena Festsemajno en ĉambro de la fama *Muzeo Déri*. Vespere okazis bonsukcesa amuzvespero ĉe la esperanto rondo de « Bibliotekosocieto Homokkert ». La kongreson ĉeestantaj 100 personoj certe hejmeniris kun la konvinko, ke en Hungarujo la debrecena kongreso signifos novan eklaboron, pri kio lokaj kaj budapestaj gazetoj raportis objektive, en lokaj gazetoj estis eĉ esp. lingvaj saluttekstoj.

## Jugoslava

Dum pentekosto okazis en la beleta limurbeto Koprivnica, la sepa Jugoslava Esperanto-Kongreso. Speciale grave estas akcenti ke en la regiono, kies centro estas Koprivnica, nomata « Podravina » tre floras esp. movado inter la vilaĝanoj. Ankaŭ la LKK konsistis plejparte el vilaĝanoj el la lokoj, kie ekzistas esp. grupoj t.e. Koprivnica, Bregi-Koprivnica, Gjelekovec k. Peteranec.

Kvankam la LKK laboris sub tre malbonaj kondiĉoj, pro interna malpaco esperantista la kongreso finis per bela morala sukceso, nome la unuecigo de jugoslava esperantistaro en unu Ligon kun la sidejo en Zagreb. La estraro konsistas el zagrebaj samideanoj, sub la gvidado de S-roj D-ro Duŝan Maruzzi kaj Ivo Rotkviĉ.

Ne malpli granda estis la sukceso laŭ propaganda vidpunkto. La kongreso mem estis subtenata de lokaj aŭtoritatoj, menciinda estas la subteno de la urbestraro sub la gvido de la urbestro S-ro D-ro Branko Ŝvarc, kiu dum la kongresa malfermo faris brilegan paroladon kaj de la parlamentano D-ro Vlado Malanĉec. Dank' al tiu subteno, la LKK eldonis belan kongreslibreton sub la titolo « *Koprivnica, la urbo de la VII-a Jugosl. Esp. Kongreso* ».

La loka gazeto « Podravske novine » konstante raportis en ĉiu numero pri la kongrespreparoj. Same raportis pli-malpli ĉiuj jugoslavaj gazetoj.

La fermo de la kongreso en vilaĝo Bregi, sidejo de Esperanta klubo Bregi-Koprivnica, estas speciale menciinda, ĉar tie regis tia entuziasmo de la ĉeestintoj, kia malofte okazas.

Laŭ unuanima konstato de ĉiuj ĉeestintoj la kongreso estis bonege organizita kaj ankaŭ bonege sukcesis morale, dume materiale restis pro la menciita malkonkordo de enlanda esperantistaro, kiun sekvis malmultnombra vizito de la kongreso, sentebla deficito, kiu estas espereble forigota per subteno de enlanda esperantistaro. (IFP.)

## Katolika

Unua kongreso de katolikaj esperantistoj en Nederlando okazos la 15-an-16an-kaj 17an de Aŭgusto en' s-Hertogenbosch. Per ĝi estos festata la 25-jara ekzisto de la ligo « *Nederlanda Katoliko* ». La kongreso staras sub la alta protekto de la Episkopaj Moŝtoj Jansen, Ĉefepiskopo de Utrecht kaj Diepen, Episkopo de 's-Hertogenbosch. La juraj doktoroj v. Rijckevorsel, Provincestro de Noord-Brabant kaj v. Lanschot, Urbestro de s'-Hertogenbosch, favoras la kongreson. La Honora Komitato ekzistas el i.a. la Episkopaj Moŝtoj Hopmans, Episkopo de Breda, Aegenent, Episkopo de Haarlem, Lemmens, Episkopo de Roermond. Plue Ministro Marchant, Ministro de Instruado, Arto-kaj Scienco, Eks-Ministro Verschuur, Eksministro de Ekonomiaj Aferoj, kaj Ministro Ruijs de Beerenbrouck, Ministro de Ŝtato, Prezidanto de l'Parlamento.

La jam fiksita, ampleksa programo enhavas multajn kaj gravajn punktojn. Pri tiuj punktoj informos la publikigota programo, kaj interesiĝantoj povas turni sin por informoj plidetalaj al S-ro Nico Hoen, v. Noremborghstraat 99, 's-Hertogenbosch, kiu estas Sekretario de la Loka Komitato. Ankau eksterlandaj katol. kaj nekatol. Esperantistoj estos kore bonvenaj. Jam nun estas certa, ke multaj francaj kaj belgaj, eble ĉe hispanaj samideanoj vizitos la kongreson. La kongres-kotizo por eksterlandanoj estas 3 svisaj frankoj aŭ egalvalora monsumo. Kotizojn oni sendu al la Kasisto, Kasistoficejo M. v. d. Bruggen, Pensmarkt 12-14, 's-Hertogenbosch. Ĝirokonto nederl. 5987.

## Nordnederlanda

Dimanĉon, la 24-an de junio okazis en Veendam, en la agrabla ejo de la « Societeit Veenlust » la 5-a nord-nederlanda kongreso. Partoprenis ĉ. 200 verdsteluloj el la tri nordaj provincoj, kaj du eksterlandanoj, F-ino Kirchberger el Leipzig kaj la konata Ĉe-instruisto S-ro S. Pragano. La prezidanto, S-ro P. Korte, akcentis en sia malferma parolado la ĝojon, kiun sentas la gastiganta klubo « Veendam » pro la fakto, ke ankaŭ ĉi tiun jaron evidentiĝas ke la nord-nederlandaj kongresoj estas tre ŝatataj. En plena harmonio la plej diversaj kluboj, neŭtralaj, laboristaj kaj katolikaj kunlaboras por unufoje en ĉiu jaro, aranĝi esperantan feston. Dum tiu tago oni ne interdisputas pri organizaj kaj aliaj gravaj problemoj, kiuj varmigas la kapojn, sed nur kunvenas por babili kaj aŭskulti la ĉarmajn sonojn de nia lingvo, kiuj varmigas ĉiujn korojn. La programo nur alportas ĝojon kaj amuzon. Tamen la bazo de ĉio estas ke oni senĝene ekzercu la lingvon.

Dum la promenado tra la urbo, la partoprenantoj vizitis la publikan bibliotekon, kie la direktorino aranĝis ekspozicion de la esperantaj libroj tie haveblaj. Kvankam mem ne esperantistino, ŝi montris viglan intereson por nia laboro. Konsiderinda subteno por la loka movado, pro kio S-roj Pragano kaj Hendriks danke donacis esperantan libron por la biblioteko. La veendama klubo rajtas esti kontenta pri la rezultatoj de sia multa laboro, same kiel la aliaj kluboj, kiuj per deklamaĵo aŭ teatraĵo plenigis la longan programon. Sendanka ilia labora ne estis; tion pruvis la malavara aplaŭdo de la ĉeestantoj.

Bedaŭrinde, ankaŭ tiuj agrablaj horoj tro rapide forflugis kaj la prezidanto devis fermi la kongreson, dankante ĉiujn, kiuj iel kunlaboris. La partoprenantoj disiĝis kun gaja « Ĝis la revido en la venonta jaro dum nia 6-a nord-nederlanda.

## Viena Vespero en Krakovo



Sub protekto de la Urba Prezidanto, Mieczyslaw Kaplicki kaj en fervora kunlaboro kun Vienaj, Krakovaj, Lvovaj Esperantosocietoj oni aranĝis brilsuksesan Vienan « Vesperon » en Krakovo.

Malfermajn vortojn diris nia estimata Profesoro Bujwid, rakontante pri okazinta Viena E. Mondkonferenco.

Surpaŝis la scenejon la Viena Delegitino F-ino Minuŝka Mantel, transdonante salutojn de Wien.

Kun vervo kantis Frl. Mia Händel belajn, vienajn kantojn. Deklamis kaj recitis la konata krakowa s-anino Irena Szczepanska kaj la ĉarma « Wachsmann baledo » prezentis vienajn dancojn.

En Industria Muzeo okazis « Gaja Promenado kaj Vojaĝo tra Vieno kaj Aŭstrio gvidita en sprita maniero de F-ino M. M.

La Aŭstria Konsulo Inĝ. Lewalski sendis tre afablan dankleteron al la parolantino.

Krome, je invito de Dr. Dreher L. K. paroladis F-ino Mantel en Societo « Esperanto » pri Viena Movado.

Krakowa Radiosendstacio anoncis plurfoje la « Vesperon ».

## En kelkaj linioj



*** Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo, jarkunvenis dum la pentekosto en Södertälje. La estrara raporto montris tre bonan rezulton. La vendado dum la pasinta jaro valoris 42,286.— sved. kronojn; tiu sumo estis la plej alta ĝis nun atingita. La gajnoperdo konto montris profitan saldon de 1,931.— kronoj. La bilanco je la fino de la jaro estis 24,522.— kr.; la akcia kapitalo estis 5,920.— kr. kaj la rezerva kapitalo 6,400.— kr. En la pasinta jaro la societo eldonis 70,000 libroekzemplerojn. En preparo estas gravaj verkoj, i.a. La historio de Gösta Berling (Selma Lagerlöf) kaj Sveda Antologio.

*** S-ro J. F. Jakcson, 69 Green Lane, Wavertree, Liverpool. 16, Anglujo, ano de la Liverpool Ko-opera Societo kaj de la K-opera Esperanto Ligo, vizitos la Kongreson de Esperanto en Stockholm, 4-11 Aŭgusto 1934.

Li vizitos la Svedan K-ooperejon en Stockholm kaj se aliaj kooperanoj deziras, li estas preta aranĝi grupvisiton.

*** Scienca revuo, en portugala lingvo, aperanta en Porto, enhavas en ĉiu numero du paĝojn por la propagando de Esperanto, per kiuj klopodas oni pliviligi la poresperantan disvastigadon. La adreso estas: « Pensamento »-Apartado 19. Porto, Portugalio.

*** *Internaciaj komenca kaj daŭriga kursoj* okazos en Stockholm antaŭ la kongreso. (23. Julio-2. Aŭgusto). — Ĉefgvidanto: D-ro Szilagyi L.K., kies speciala « lumbildmetodo » (iniciantoj F. Szilagyi kaj T. Citrom) kaj ties sukcesoj vekis grandan atenton ne nur inter Esperantistoj, sed ankaŭ la sveda gazetaro konigis ĝin en favoraj kaj longaj artikoloj. — La nomoj de la kunlaborantoj estas same favore konataj: T. Czitrom (Budapest). E. Dahl (Uddevalla) kaj H. Seppik (Tallin). Laŭ la kursplano, dum la dektagaj kursoj ĉiutage okazos 3 hora lernado, kiun sekvos amuzoj kaj ekskursoj al la belega ĉirkaŭaĵo de Stokholmo. Enhavo de la komenca kurso: Konversacio kaj gramatiko kun kaj sen lumbildoj. La dauriga kurso konsistas el simile gviditaj konversacioj, historiaj, literaturaj studoj, gramatiko ktp. Kurskotizo: Svedaj Kr. 10.— (post la 10-a de Jul. Kr. 12.— Petu informojn: Someraj Esp. Kursoj, Stockholm, Box 698. Postĉeka konto 2012.

## Unuecigo de la Esperanto-Movado

La unuecigo de la internacia kaj nacia movado per la interkonsento de Kolonjo levis ankaŭ la demandon de interna unuecigo en pluraj landoj. Nome, ekzistas en kelkaj landoj pluraj organizaĵoj, kiuj havas la karakterizan trajton de nacia aŭ landa Asocio. Ne estas sekreto ke la rilatoj inter tiuj organizaĵoj ne estis ĉiam amikaj.

Paŝon al la direkto de unuecigo faris la Belga kaj Flandra Ligoj. Tion konfirmas jena rezolucio farita en kunveno je la 23-a de Junio 1934 en Bruselo.

Konsiderante:

1° ke unueco de organizo kaj propagando estas dezirinda ĉe la Esperanto-Movado en Belglanda Teritorio;

2° ke la nuancoj en la publika opinio rilate al enlandaj lingvoj ne estas sufiĉe fortaj por disigi la Esperantistojn;

la subskribintoj, kunvenintе la 23-an de junio 1934, en Bruselo, sub prezidado de S-ro Fred. E. Wadham, Ĉefdelegito de la Universala Esperanto-Asocio en Britlando,

decidas proponi al siaj respektivaj estraroj, ke

Belga Ligo Esperantista kaj Flandra Ligo Esperantista difinu reprezentantojn al komuna kunsido por ellabori planon de reorganizo laŭ la sekvantaj principoj:

1° Ekzistu en Belglando du Federacioj, nome: Flandra kaj Valona kun apartaj estraroj;

2° La du Federacioj formu kune unu Landan Asocion, kies estraro estu elektata de ambaŭ Federacioj laŭ proporcio de la membraro;

3° Ke la Landa Asocio aligu siajn membrojn al U. E. A. difinante unu Ĉefdelegiton por la Teritorio.

FRED E. WADHAM, Prezidanto de la kunsido.
L. CALLOENS, prezidanto de la Flandra Ligo Esperantista.
M. DE KETELAERE, Ĉefdelegito de U. E. A.
M. JAUMOTTE, Kasisto de Belga Ligo Esperantista.
G. J. LENAERS, Propagandestro de Flandra Ligo Esperantista.
H. PETIAU, Ĝenerala Sekretario de Belga Ligo Esperantista.
H. RAINSON, Vic-prezidanto de Flandra Ligo Esperantista.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-INO ALICE SERGEANT, edzino de nia Samideano S-ro Lucien Sergeant, advokato en Boulogne-sur-Mer, 8 Junio 1934.

Tre fervora, fidela kaj afabla Samideanino kaj, inter la unuaj pioniroj de Esperanto en Boulogne-sur-Mer, ludis gravan rolon en nia movado: partoprenis al la unua Kongreso kaj al preskaŭ ĉiuj aliaj Kongresoj, estis UEA-nino tuj post la fondiĝo de nia Asocio, estis Komitatanino de la Grupo de Boulogne-sur-Mer, Vicprezidantino de la Norda Franca Federacio. Korespondadis kun D-ro Zamenhof, kun lia familio kaj multaj eminentuloj.

Ŝi metis sian tutan koron en Esperantismon, bone komprenante ke en ĝi estas ne nur lingvo komuna, sed « interna ideo », kiu instigas ĝiajn adeptojn fari ĉiuokaze servojn al gesamideanoj.

La enterigo okazis la 11-an de Junio, akompanata de multe da gesamideanoj de la urbo kaj de la regiono. En la tombejo, la du solaj paroladetoj estis diritaj esperante de S-ro Duchochois, Prezidanto de la Grupo, kaj de S-ro Deligny, Prezidanto de la Norda Federacio.

Nia sindonema amikino, ripozu en paco!

S-RO EMIL FRIEBEL, MA 14550, Delegito de UEA en Dresden, Junio 1934 (Laŭ « Sciigoj »).

F-INO JEANNE ASSENMACKER, anino de UEA 24578 en Verviers Belg., 4 Majo 1934.

D-RO EUSÈBE LAPINÉ, malnova ano de UEA en Annemasse, 25 Majo 1934.

S-RO ANGEL J. MAZZUCONI, DM de UEA en Buenos-Aires, Argentino, 10 Marto 1934.

Samideano Paolo Bossi en Parabiago Italio, havis la ĉagrenon perdi amatan patron, Luigi Bossi, 28 Majo 1934, 75 jaraĝa.

Malfruiĝite ni ricevis informon pri forpaso de S-ro Ernst Otto Buchheim, patro de nia fidela kaj agema ano, August Buchheim, eks-delegito en Denver, Usono.

S-ro BENOIT DAMON PICHAT, patro de nia sindona kasistino, F-ino Damon Pichat, 6 Julio 1934, 76 jara.

*Sinceran kunsenton!*

## Oni dankas

*** S-ro Giovanni Ferraris, Delegito de FEI, korege dankas al Delegito de UEA D-ro Tobias Sigel en Detroit Mich., USA pro grava kaj bonkore plenumita servo.

*** Minuŝka Mantel, VD de UEA, Lwow, Polujo esprimas profundan dankon al la senlace laborantaj kunhelpantoj de « Viena Vespero » en Krakow.

Distingan dankon al Prof. Bujwid, al mia gastigantino afablega F-ino N. Bertizanka, al D-ro L. Dreher L. K. Mgr. Tydor, speciale al D-ro Janczalek, kiu gvidis min tra bela Krakow, F-ino Irena Szczepanska, estimata S-ino Julja Neuberg, F-ino Weinsberg VD, S-ro Wiesenberger D de UEA, ĉarma S-ino Srbrna kaj F-ino Kantorowicz.

*** S-ro Jules Ginzburg, ano de UEA en Antwerpen dankas al la D en Nagoya, Japan, S-ro Siraki pro bona plenumo de informpeto.

*** S-ro G. W. Roome VD Sheffield, deziras plejkore esprimi dankojn ĉar la UEA delegitoj ĉe Munĥen Strasburgo, Linz a-d., Vieno kaj Innsbruck tuj, energie, helpeme respondis al sia demandoj, amike venis al renkonto je malfacilaj horoj, kaj faris ebla ĝuebla kaj sukcesplena sian virizon al Vieno dum la internacia kongreso tie.

*** S-ro Rob. E. Wentz, Delegito en Sharon, Pa., USA. kom dankas al S-ro G. B. Warner D en London pro plenumo de inforerpeto.

*** S-ro Delfi Dalmau, DM el Barcelona sincere dankas al la Delegitoj en Lyon, Zürich kaj München, por utila servado okaze de aŭtomobila veturo al la konferenco en Vieno.

# Cseh-kursoj

## Danlando

De Marto ĝis fino de Majo F-ino Saxl, gvidis kursojn en Kopenhago. La kurskomitato, gvidata de la juna, energia S-ro Holger Ærsöe, prez. de Konversacia Esperantista Klubo, faris grandegan antaŭlaboron por bone prepari la kursojn. Krom la kutima elsendo de diversaj efikaj presajoj kaj reklamado en la gazetoj, la komitato ankaŭ prenis en sia servo pli modernajn reklamilojn kiel lumreklamojn en la plej grandaj kino-teatroj, en la urbodoma placo lumis sur la tegmento de la gazeto « Politiken » kurantaj lumreklamoj « Lernu Esperanton » kaj « Vizitu la provlecionon en Esperanto ».

Antaŭ plenplena salono F-ino S. faris sian unuan provlecionon, tiel ke oni devis ripeti ĝin, kaj sukcesis ankoraŭ unufoje plenigi la salonon, entute inter 4-500 personoj ĉeestis. La kurso kiu sekvis havis 40 lernantojn. Por fremdulgvidistoj, kiuj deziras per aŭtobusoj konduki la multajn trapasantajn kongresanojn dum la somero estis starigita speciala rapidkurso.

Dum sia restado en Kopenhago F-ino Saxl kune kun kelkaj el la komitatanoj vizitis diversajn aŭtoritatulojn kaj rimarkinda estas, ke oni ĉe lernejaj aŭtoritatoj nun rigardas Esperanton kun aliaj okuloj ol antaŭe.

Ankaŭ la gazetoj en la ĉefurbo okupis sin pli multe pri Esperanto ol antaŭe, la plej gravaj el ili alportis bonajn intervjuojn kun F-ino Saxl kelkaj eĉ portis ŝian portreton.

Dum sia restado F-ino S. faris paroladon en Esp. kaj montris lumbildan paroladon pri Oberammergaŭ en la « kinografo » malgraŭ la suna vetero, la teatro preskaŭ pleniĝis dufoje la saman dimanĉan antaŭtagmezon.

Post la fino de la kopenhagaj kursoj Fino S. faros propagandvojaĝon en Danlando dum Junio, antaŭ ŝi komencos la someran lernejon en Silkeborg.

Kopenhago ankaŭ havis viziton de alia gasto, D-ro Perl el Ĉekoslovakujo, kiu montris belajn lu mbildojn de la tre interesa lando,kies belecojn kaj popolvivon li priskribis en Esp. dum gramofon-di koj aŭdigis belajn ĉekajn kantojn i.a. de la fama Bakulaĥoro,

Grava novajo estas, ke la dana radio-stacio fine permesis 9-minutan paroladon pri « Ĉu ni bezonas Esperanton ? La elsendo okazos la 28 de Majo.

M. N.

## Francujo

Dank' al la granda laboro de nia eminenta Ĉe-Profesoro Glück, la esperantistoj naskiĝis en nia duoninsulo. Kaj nun pli kaj pli la grupo kreskas. Ni rememoru, ke S-ro Glück komencis la Kurson kun 18 enskribitaj kaj finis kun... pli ol 80 gelernantoj de ĉiuj profesioj kaj aĝoj !

La daŭriga kurso, direktata de S-ino Macé, konas belan sukceson. Proksimume, 50 gelernantoj ĝin sekvas.

La Grupo enhavas da nun 50 anojn kaj la nova Komitato elektita, tre esperas ke tiu jam respektinda nombro estos baldaŭ superita.

La Grupanoj kaj la lernantoj estas tre dankemaj al S-ro Glück ĉar vere li sciis instrui ilin, amuzante, senpene.

*Konkludo:* Ni esperas denove lin vidi venontan jaron !... La adreso de la ĝeneral sekretario estas : S-ro Francis Macé, 104, rue Asselin, Cherbourg (Manche-France).

# Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*BES-Adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj.* — Nova jam 11.-a eldono de tiu ĉi unika, por ĉiu E-isto bezonega helpilo enhavas pli ol 1.000 adresojn kaj preskaŭ 100 portretojn el pli ol 40 landoj. Detala registro de aliĝintoj laŭ profesio, inklinoj kaj fakoj. Prezo — kiel kutime — nur 1 Fsv. Eldonas : BES (Boh. E-Servo), Potŝtejn, Ĉeĥosl. — Aliĝoj por la 12.-a eld. estas jam akceptataj kaj ĉiu 10.-a aliĝonto estos premiita ! — Pri ĉio detale informas 14-paĝa prospekto ilustrita. — Postulu ĝin !

*Bruĝa Grupo Esperantista* organizas standon « Esperanto kaj komerco » de Bruĝa Komerca Foiro, 11-a ĝis 20-a-8-1934, petas alsendon de interesa ekspoziciota materialo, adreso : ŝoseo de Blankenberge, 44, Bruĝo (Belgujo) — Kartoj de aĉetanto rajtigantaj senpagan eniron haveblaj po I B. Fr. al P.Ĉ.K. N° 2114.92 Ch. Poupeye, Bruĝo.

*Herboj medicinaj* de urugvaja floraro por alilandaj herboj deziras interŝanĝi en serioza negoco. S-ro Francisco Garcia, Stro. Yaguarón, 1399-Montevideo. Uruguay.

*Lingva perfektiĝo.* — Por pliperfektiĝi en la lingvoj franca kaj hispana deziras serioze korespondi pri diversaj temoj france nur kun Francujo kaj hispane nur kun Hispanujo D-ro Jan Rathay, financa oficisto, Stribro, Berni, sprava, Ĉeĥoslovakio.

*Lumbildoj.* — Hungara Lumbilddiapozitiv-entrepreno « Kultura » deziras por hungaraj societoj kaj lernejoj pretigi lumbildseriojn el diversaj landoj. Interesigu vian turisman oficejon, ke tiu sendu kvanton da fotoj kun kelkliniaj klarigaj tekstoj. El ĉiu farota serio la sendinto ricevas unu filmon donace. La fotojn la sendinto rericevas. *Helpu la propagandon por via regiono kaj lando !* Jen pruvo pri praktika utilo de Esperanto. Sendu al Hungara Skolta Esperanto Rondo, Budapest, V., Nagy Sandor -u.6.

*Metapsika studo* por korespondado : enketo pri telepatio k.a. Petu programon per poŝtkorto : Metapsych. Fondation 23 rue Forestière du Mont-Boron, Nice (Francujo).

*Peto.* — Samideanoj el tuta mondo. Por propaganda Esperanto ekspozicio bonvolu afable sendi poŝtkartojn kun bildoj pri Esperanto (reklam-poŝtkartoj) esp. ilustritajn afiŝojn, glumarkojn kaj aliajn esperantajojn. Rekompencos laŭdezire. Petro Surjanenko, Valki (U.S.S.R., Harkovska obl.).

*Por sunbrila libertempo* vizitu la Rivieron. La Internacia Hejmo Esperantista, *Aspremont* (A.M.), Franclando sendos prospekton kaj programon de ekskursoj al San-Remo (Italujo), Monte-Karlo, Monaco, Cannes, Grasse ktp. laŭ peto.

*Tradukoficejo Internacia* en Ter-Apel Nederlando. Ni sendis cirkuleron al la Delegitoj en grandaj urboj kaj insiste petas pro kunlaboro.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj:* L-letero; PK-poŝtkarto; PI-poŝtkarto ilustr.; bfl-poŝtmarko sur bildflanko; Gaz.-gazeto; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj; C.r.-certe respondos.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95 (Box H. & P.) nur PM. Malrsepondas bagatelojn.

*Antwerpen* (Belgujo). — C. Severins, Maatstr. 44, deziras interŝanĝi poŝtmarkojn tutmonde.

*Anvers* (Belgujo). — S-ro Jules Ginsburg, 24 jara, Longue Rue van Ruusbroec 61, k.ĉ.l. ĉia temo. Respondas nur kontraŭ respondkupono.

*Bedum* (Nederlando). — S-ro H. Hoekzema, Schoolstraat, kun viroj, nederlandaj kaj aliaj, kiuj serĉas la veron.

*Babice* apud Uherské Hradiste (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Precechtel, instruisto, L, PI, k.ĉ.l.

*Cluj* (Rumanio). — S-ro Lajos Blédy, Casa Piaristilor, str. Duca 5, PI., amatorajn fotografajojn kun la tuta mondo. Nepre respondas.

*Colac*, Victoria (Aŭstralio). — S-ro A. V. G. James, ĉefinstruisto High School, serĉas korespondantojn por siaj gelernantoj 11 gis 14 jaraj L., P.I.

*Ceska Skalice* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Odon Horak, L., PKI., bfl., PM., 100 pecoj kontraŭ la sama kvanto, prefere kun Litovujo Estonio Svedujo Norvegujo kaj Ruslando.

*Don* (Francujo, Nord). — S-ro O. Lemichez, Chemin de Halage, L., PI., k.ĉ.l.

*Harburg-Wilhelmsburg I.* (Germ). — S-ro W. Rüsch Aŭgustst r. 11, L., PI., C.r. PM., kvanto kontraŭ kvanto, ne sendos unue.

*Harkovo.* — Nia scienc-esplora instituto de geografio kaj kartografio deziras korespondi pri problemoj de geografio ekonomia kaj fizika-geomorfologio, geologio, klimatologio k.s.), interŝanĝi geografiajn librojn, revuojn, mapojn k. sim. Adresu viajn sendajojn : *Esperanto* (por Geografi-Instituto), Palac Praci, 60, *Harkovo*, U.S.S.R. Ĉiujn leterojn k. sendajojn ni nepre respondos.

*Lisboa* (Portugalujo). — Fernando Ribeiro k. Gastaô Florencio, R. da Escola Politécnica 111; PI., kun gejunuloj el la tuta mondo. Certe respondos.

*Lisboa* (Portugal). — S-ro L. Gonçalves, T. de S. Caetano 4, PI., kun stampo sur la bildo; certe respondos.

*Paso de los Toros* (Uruguay). — F-ino Dimas Neves. PM., kun ĉiuj landoj kaj L., PI., nur kun amerikaj landoj.

*Porto* (Portugalio). — S-ro Manuel de Freitas. R. do Monte da Lapa n° 49-1.°, PI., precipe montrantaj popolajn regionajn kostumojn kun samideaninoj el ĉiuj landoj kaj samideanoj el Rusujo kaj ekstereŭropaj landoj. Nepre respondos.

*Porto* (Portugalio). — S-ro Mesquita Junior-Rua dos Caldeireiros, 55, PI., kaj L., p.ĉ.t., k.ĉ.l.

*Porto* (Portugalio). — S-ro Leopoldo G. Fernandes. R. Santa Catarina, 108-1.°, 20 jaraĝa fraŭlo, kontoroficisto, PI , L , k.ĉ.l., precipe kun orientuloj, sendas PM , kontraŭ PI , precipe montrantaj popolajn regionajn kostumojn. Certe respondos almenaŭ unufoje.

*Potŝtejn* (Ĉeĥoslovakujo). — Inĝ. Leopold Berger kolektas adresojn por sia « BES-Adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj ». — Skribu tre legeble la adreson !

*Rio de Janeiro* (Brazilo). — F-ino Dillenia Araujo, Rua Uruguayana 2 210-2-0 andar, PI., k.ĉ.l. C.r.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 537-7-34.